XXIIa jaro. No 305 (1) ☆ Monata ☆ Januaro 1926

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.50 Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Kiel funkcias nia organizo.

La nuna organizo de la esperantista movado valoras ne ĉefe per tio, kion ĝi kreis novan, sed antaŭ ĉio per la fakto, ke ĝi respektis tion, kio jam antaŭe funkciis. En la diversaj landoj la lokaj grupoj preskaŭ ĉie sentis la bezonon unuiĝi en naciajn societojn, ligojn aŭ asociojn por komune presi nacilingvajn propagandilojn, prepari instruantojn, agi ĉe sia registaro ktp.

Aliflanke la esperantistoj individue pli kaj pli sentis la bezonon aliĝi je universala asocio por uzi la lingvon internacie, interrilatiĝi kun malproksimaj samideanoj kaj subteni fortan centron, kiu povu agi ĉe internaciaj aŭtoritatoj. Tuj post la milito UEA estis perfakte devigata entrepreni tiujn taskojn de internacia propagando.

Nu, ĝi povus tion daŭrigi tute sendepende kaj kulturi neoficialajn rilatojn kun la naciaj societoj, ankaŭ sendepende daŭrigantaj sian enlandan propagandon. Tion siatempe rekomendis S-ro Rollet de Lisle proponante simple ke UEA havu ian reprezentanton apud ĉiu nacia societo kaj reciproke ĉiu nacia societo unu senditon apud UEA por faciligi la normalan kunlaboradon. Tio devus okazi se UEA ne volus plilongigi sian subskribon al la kontrakto de Helsinki donitan ĝis 1926.

Eble tiu sistemo estus tute sufiĉa, sed fakte la kontrakto de Helsinki ne kreis multon pli kaj la esperantistaro preferos tre verŝajne ke oni ĝin plilongigu ankoraŭ plu. Ĝi nur reguligis tiun kunlaboradon donante al la reprezentantoj de la naciaj societoj la okazon kunsidi kune en K. R. kun la reprezentantoj de UEA por diskuti komunajn aferojn de propagando kaj kune elekti nian Internacian Centran Komitaton, kiu zorgu pri la kongresoj kaj plenumu la komunajn dezirojn pri internaciaj dokumentoj, konferencoj, oficialaj paŝoj ktp.

Sen la nuna organizo la komitato de UEA estus sola por plenumi tiun taskon kaj gvidi la internacian centron. Oni opiniis, ke estas pli taŭge, ke ankaŭ la naciaj societoj sentu sin kune respondaj pri tiuj internacie komunaj aferoj kaj tio estas la tuta esenco kaj la sola signifo de C. K.

Oni neniam intencis krei du internaciajn organizojn por la samaj celoj, unuflanke UEA kaj aliflanke K. R. Oni volis, ke la du ekzistantaj flankoj de nia movado UEA kaj la Naciaj Societoj havu praktikan rimedon por regule kunlabori. K. R. estas laŭ sia nomo mem aro de reprezentantoj de la naciaj societoj, delegitaj por diskuti kun UEA kaj elekti kune la internacian C. K.

Al tiu C. K. la naciaj societoj kaj UEA komisias certajn taskojn. Nun ĝi starigis al si propran oficejon kun ĝenerala sekretario (S-ro Rob. Kreuz) kaj sekretario kaj vojaĝanta propagandisto (S-ro Andreo Ĉe). Ĝi organizis la reeldonon de la Ĉefeĉ-ŝlosiloj, ĝi interalie centrigas informojn pri radio, ĝi sciigas la naciajn societojn pri gravaj faktoj, ĝi informas la internaciajn oficejojn pri Esperanto, ĝi eldonas la protokolojn de niaj kongresoj. Ĝi ankaŭ ĵus dissendis al ĉiuj naciaj societoj kaj gazetoj novajn oficialajn dokumentojn. Ĝi organizis la sukcesajn vojaĝojn de sia sekretario S-ro Ĉe en ok diversaj landoj. Ĉiutage venas kaj foriras bela kvanto da utilaj korespondaĵoj. La afero ekfunkcias nun. Dudeksep samideanoj fariĝis korespondantoj de C. K. por ĝin malavare subteni per jara monhelpo de cent svisaj frankoj. Ceteraj 73 espereble sekvos por atingi la centon.

Ni kore esperas, ke nia internacia propaganda centro iom post iom fariĝos vera helpilo al ĉiuj esperantistaj organizaĵoj kaj faciligos al ni ĉiuj pli aktivan kunlaboradon, precizan dokumentadon kaj ĝojigan progresadon. *Edmond Privat.*

# EL NATURO KAJ SCIENCO

## Nia penso kaj la realeco.

*(Natur-filozofia skizeto).*

„La mondo ŝajnas esti tia kian ni ĝin konstruis en la penso". Ĉi tiu dirajo estu objekto de nia meditado, se ni volas penetri iomete en la sferon de nia intima personajo, se ni deziras fari kelkpaŝojn sur la vojo, konsilita de iu pratempa saĝulo kiu predikis: „konu vin mem."

De l' infanaĝo ni distingas la lumon apud la mallumo, la blankon apud la nigro, la helon apud la ombro. Tial ni opinias ordinare ke la ombroj havas koloron nigran, duone nigran, grizan ktp. Pro tiu enradikita opinio ni, eĉ dum atenta rigardado, kredas vidi la nigran, aŭ la grizan ombron tie kie ĝi estas nuance kolora. Unu ekzemplo: mi skribas matene sur la tablo cinamkolora, parte kovrita de la blua paperfolio; tra la tuta tablo etendiĝas ombroj de la frua suno; unuavide ŝajnas al mi ke ĉiuj ombroj estas nigraj, sed post la atenta observado mi trovas ke la ombroj sur la tabla surfaco estas brunaj, kaj tiuj sur la papero estas malhele bluaj. Dua ekzemplo: mi marŝas dum somera serena tagmezo sur la sablobordo, akompanata de mia amiko pentristo. Li min demandas: „kiun koloron vi vidas en la ombroj? Mi tuj respondas: la nigran! Li ridetas. Mi pliprecizigas: la malhele grizan . . . Ne, kontraŭas al mi mia amiko, la ombroj havas violetan koloron." Kaj vere, miaj okuloj nun klare distingas tiun koloron, kiun mi neniam supozis antaŭe, kvankam en mia ĝisnuna vivo mi centfoje promenadis sur la sablobordoj, dum somera tago serena. Tria ekzemplo: unu sinjoro 28-jara, klera kaj instruita, konfesis, ke ĵus li faris eltrovon kiu lin mirigis kaj samtempe hontigis; okazis jene: li havis dentodoloron kaj tial palpis la denton en la supra makzelo, dum la malsupra larĝe malfermiĝis. Subite li rimarkas ke en la buŝmalfermo partoprenas nur la malsupra makzelo, dum la supra estas fiksa parto de la kapo. Tiu eltrovo lin treege mirigis, ja ĝis tiam li imagis ke ĉiam la du makzeloj sin movas dum la maĉado, oscedo ktp. Poste li ekmemoris ke la modela kranio, kiun li plurfoje tenis en la mano, havis nur unu ĉarnire moveblan makzelon, nome la malsupran. Pli poste li observis homon manĝantan, kaj vidis tute klare la movojn de la malsupra makzelo sub la supra senmova. Fine li miris kial li havis tiom eraran opinion pri la makzeloj, kaj li supozis ke eble, en frua infaneco, li konatiĝis kun prenilo, kiu havas du moveblajn lipojn, ankaŭ kun tondilo kiu havas du tranĉpartojn, kaj tiuj iloj donis al li la falsan ideon pri la makzeloj.

*

*Henri Bergson*, en sia libro „Senperaj donitaĵoj de la konscio", prezentas interalie kelkajn tre frapantajn ekzemplojn de la eraraj konceptoj kaj ideoj, formitaj per nia penso. Ni tuŝu du el tiuj ekzemploj.

Ni ordinare opinias ke la doloro havas siajn gradojn kiel la temperaturo, streĉo, peso: ni do imagas ke la dolora sento en la maldekstra mano, kiun pinglepikas la dekstra, povas senrompe kreski laŭ la pikforto, kiel ekzemple kreskas la alteco voĉa dum la gama kantado; ni imagas ke tiu kreskanta doloro ĉiam sidas en unu punkto, nome tie kie pikas la pinglofino. Sed ni mem refaru la pik-eksperimenton, ni atente nin observu, kaj la rezulto estos vere neatendita. Unue ni sentas tuŝon, poste premon, pli poste doloreton en la punkto, fine doloron disradiantan en la mano ĉirkaŭ la punkto, doloron akompanatan de pluraj muskolsentoj en la dekstra mano, en la maldekstra brako, en la buŝo, en la frunta haŭto ktp. Ni do eraris duoble, ĉar la doloro kreskas *ne kvante* sed *kvalite* (tuŝo ne estas premo, premo ne estas doloreto, doloreto ne estas doloro, k. c.), kaj ĉar la doloro ne sidas nur en unu punkto, sed en la pluraj lokoj de nia organaro.

Dua ekzemplo el la verko de Bergson. Ni ordinare opinias ke la emocioj estas pure animaj statoj, t. e. ke la ĝojo, espero, envio, kolero estas fenomenoj kiujn nia „interna observanto" sentas en la anima, ne en la korpa sfero. La senpartia observo tion kontraŭas. Ekzemple, la kolero estas komplika fenomeno, kiu konsistas pli en la korpaj ol en la animaj sentoj. Simpla sinanalizo tuj montras ke la kolero estas aro da muskolstreĉoj, sangofluoj, organpozoj, kiuj grupiĝas ĉirkaŭ la kolera penso. Vizaĝo ruĝa aŭ pala, streĉitaj pugnoj aŭ dentoj, tremo aŭ trolaŭta parolo, k. c., estas oftaj elementoj de la kolero.

En ĉiuj partoj de nia personaĵo, en ĉiuj flankoj de nia vivo, kie ajn ni atente observas, ni eltrovas ion, kio kontraŭas al nia ordinara opinio. Tuta koncepto pri la mondo spirita kaj materia, kiun ni havas, estas erara kaj simplisma. La reala mondo estas alia, pli komplikita, alie ekzistanta.

Kiam ni estas infanoj ni avide studas la mondon, kaj ĝuste tiam ni formas niajn „opiniojn", kiujn la lernejo parte korektas, parte konfirmas. Nia lingvo ankaŭ kontribuas al tiu formado de niaj „opinioj" pri la mondo. Ordinara homo gardas siajn „opiniojn" dum la tuta vivo, ĉar li ne havas okazon nek bezonon ilin kontroli aŭ korekti. Oni ja ne bezonas ĝuste distingi la kolorojn aŭ internajn sentojn por esti terlaboristo, komercisto, pastro aŭ soldato.

*

Niaj pensoj intime dependas de nia lingvo. Dank' al klaraj vortoj ni kredas havi klarajn ideojn. Ni ofte pensas per vortoj, eĉ sole per vortoj. Ni malofte kapablas rimarki ke niaj vortoj, same kiel niaj pensoj, estas malĝustaj, false prezentantaj la mondon. *Max Müller* multe faris por pruvi ke la pensado mem estus neebla sen la parolo. Kaj ĉiu facile sentas ke oportuna pensado ne estas ebla sen sufiĉa vortotrezoro. Nia penso uzas la vortojn, kiel la kalkul-markojn uzas kartoludanto.

Nun ni iomete vidu kiaj estas la vortoj de la lingvo, kiu helpas, aŭ eĉ ebligas, nian pensadon. Ni havas vorton „hundo", kiun ni egale aplikas al ĉiuj hundoj, jen grandaj, jen malgrandaj, jen nigraj, jen blankaj, jen alikoloraj, al hundoj de ĉiaj specoj kaj rasoj, eĉ tre malsimilaj: melhundo kaj dogo, pudelo kaj buldogo. Do, la vorto „hundo" ne signifas ian difinitan hundon, ĝi ne signifas ian *realan* hundon, sed nur imagan skemon de la hundo-koncepto, kreitan de nia penso. Kaj tiu pensa koncepto profunde diferencas de iu ajn reala viva hundo. Sammaniere: la „arbo" reale ne ekzistas. Ĉar ekzistas tiu aŭ alia akacio, kverko aŭ ulmo. La tuta matematiko estas sistemo da fiktivaĵoj. La „triangulo" ĝenerale ne ekzistas. Ekzistas nur rektangulaj, akrangulaj, k. a. trianguloj. Tiel elmontriĝas ke nia lingvo estas ankaŭ sistemo de fiktivaĵoj, kiuj estas kvazaŭ la ombroj de la realo, la ombroj palaj, deformitaj, kriplaj. Tial la scienco mem ne estas studado de la reala mondo, sed studado de tiu fiktiva mondo, kiun konstruis nia penso el niaj vortoj. La „akvo" pri kiu parolas kemiisto nenie ekzistas, ĉar la reala akvo estas ja solvaĵo (kunmiksaĵo), kun individuaj kvalitoj kaj ecoj de sia deveno, dum la ideala akvo ($H_2O$) estas nur *vorto*, al kiu ne respondas iu ajn reala fluidaĵo.

*

En la ekkon-teorio, kiun trafe skizis *R. Avenarius* kaj kiun bone ekzempligis *E. Mach*, repaciĝas du ekstremoj de la filozofio: spirituala idealismo kaj empiria materialismo. Ili ambaŭ finfine venas al la sincera konfeso pri tio ke nenio estas certa, krom niaj subjektivaj sentoj kaj pensoj; sed ankaŭ ke niaj sentoj kaj pensoj estas la plej malcerta parto de nia subjektiva mondo. Sed la Budhismo, antaŭ 2500 jaroj, ja diris la samon: la mondo estas iluzio. Kaj la „Maja" de la pli antikva Brahmanismo estas esence la sama konfeso.

P. S.

 SOCIA VIVO 

# Kooperada senpartieco.

(Laŭ *Charles Gide.*)

Estas kelkaj similaĵoj kaj malsimilaĵoj inter la socialismo de Marx kaj la kooperismo. La similaĵoj: unue la internacieco, ĉar la naciaj malamoj kaj politikaj limoj, doganoj, limimpostoj estas profunde antipatiaj por ĉiu kooperanto. Poste la socia egalrajteco, ĉar la nobelaj privileĝoj kaj klasaj maljustaĵoj estas kontraŭ la principo de socia solidareco. Fine la socialigo de produktiloj, predikataj de socialistoj, estas idealo kiun parte ekkomencas realigi la kooperismo fondante siajn fabrikejojn kaj konstruante siajn domojn.

La malsimilaĵoj komencas ĉe la laborgajnaĵo (plus-value), kiu estos per unu frapo redonita al laboristaro, laŭ la marksismo, kiun parte jam redonas al kooperanoj la kooperaj entreprenoj. La socia justaĵo, kiun marksanoj volas realigi per forto, realiĝas en kooperejoj per paca solidareco, kaj plene realiĝos en tiu tago kiam la tuta homaro estos unu kooperejo. Dua malsimilaĵo estas la individua energio kiu movas kooperejojn, sed ne la fatala kolektiva forto kiu puŝas proletaron al la klasbatalo *Karl Marx* estis tute indiferenta je la kooperismo, eble pro tio, ke ĝi apenaŭ ekzistis tiuepoke. Sed liaj disĉiploj jam sentas ian malsimpation al ĝi. *Bebel* iam diris: „ni opinias, ke la kooperejoj nenian gravecon havas rilate al la grandaj transformadoj necesaj por la liberigo de la laboristaro". *Guesde:* „la kooperistoj proponas al la laborista klaso, ke ĝi vendu sian rajtaĵon por unu lenta plado". Sed, kun la senĉesa kresko de la kooperismo en la mondo, kun ĝia plifirmiĝo, la socialistoj nun ne plu ignoras ĝin. Unue, ĉar ili vidas en ĝi kampon por sia rekonstruado, vere utila por tiuj kiuj ĝis nun projektis nur la detruadon, socian disrompon. Por rekonstrui la mondon oni ja bezonos ian spertecon, kaj ĝuste la kooperada kampo povas esti socia lernejo por estontaj mondkonstruistoj. Due la kooperejoj estas certaj fontoj de monrimedoj, tiom necesaj al la socialistaj partioj. Tiuj fontoj povas esti pli vastaj kaj pli firmaj ol la membraj kotizaĵoj. Trie, en kazo de striko, la socialista kooperejo povus servi kiel potenca provizejo je la utilaj produktoj, necesaj por la vivo. Belgaj socialistoj estis unuaj kiuj, antaŭ 40 jaroj, kreis konsum-kooperejojn intime ligitajn kun la sindikalismo. En 1879 dum socialista kongreso en Marseille la kooperismo estis decide malakceptita. En 1910, dum internacia socialista kongreso en Kopenhago, ĝi, male, estis rekomendita. Lenin, fidela disĉiplo de Marx, estis fervora adepto de la kooperismo, kiel de necesega instrumento por la socia konstruado. Tamen, se nun la plimulto da socialistoj akceptas la kooperismon, la plimulto da kooperantoj ne volas ĝin uzi por la socialistaj celoj. Tiu plimulto, starante sur la bazo de Rochdale-a programo, havas kontraŭ si la nemultajn kooperistojn, kiuj akceptis programon de Moskvo.

La plimulto da kooperistoj ĝenerale malakceptas ligi sian movadon al iu ajn politika partio aŭ dogmo, eĉ al la socialista. Ĉar tia alligo unue rezultigus la skismon kaj la malfortiĝon de la kooperismo mem. Krome, la kooperistoj ne volas doni al sia afero la sektan kaj ekskluzivan karakteron, kiun postulas la Moskva programo, t. e. rezervi la bonfarojn de kooperismo nur al laboristoj. Du motivoj estas kontraŭ tia ekskluzivismo. Unua motivo estas materia: oni ne malgrandigu nombron de la membroj, kiuj per sia multeco kreskigas la kooperejon. La dua, morala, diras, ke la homa solidareco ne povas dikti forigon de unuj pro klasa malamo de aliaj

Restas ankoraŭ unu detalo ĉe kiu estis konflikto inter la socialista kaj oportunista vidpunkto. Nome, la profita procentaĵo al la membroj-kooperantoj. La socialistoj ĝin malaprobis kiel aferon kun kapitalista karaktero kiel principon kontraŭan al la esenca ideo mem de l' kooperismo. Sed la praktiko montris, ke la homoj, en la amaso, estas la samaj, ĉu en aŭ ekster la socialista partio, la procentaĵo kontribuis al la prosperado de kooperejoj, kaj forigo de la procentaĵoj kontribuis al ilia pereo. Eĉ socialistaj kooperejoj mem povis vivi nur kondiĉe, ke ili enkondukis la procentaĵon. La sovjeta kooperismo, kiu devige portas komunistan eksteraĵon, formale ne praktikas la procentaĵon, sed fakte ĝi praktikas ĝin sub alia formo — rabato 10 proc. por ĉiuj membroj. Alie ne povus esti, ĉar la vera idealismo estas apartaĵoj de izoluloj, dum la amaso moviĝas sub la influo de ekonomiaj kaŭzoj. La kooperismo estas esence ekonomia movado, kaj ĝi velkas tuj kiam oni volas ĝin starigi sur la idealistan bazon, dum la ekonomia senco malaperas.

---

# Nia sinteno al la laboro*).

## Meditaĵoj de inĝeniero.

De D-ro inĝ. R. L. Mehmke, Stuttgart.

„Ni troviĝas sub la signo de l' dekadenco de la kulturo. La milito ne kreis tiun ĉi situacion. Ĝi mem estas nur signo pri ĝi. Kio ekzistis spirite, tio transformiĝis en faktojn, kiuj siaparte reagas ĉiamaniere malplibonige je la spirita. La reciprokeco inter la materia kaj la spirita atingis mizeroportan karakteron. Sube de potencaj kataraktoj ni fordrivas en fluego kun timigaj kirl-akvoj Sole per la plej kolosaj penadoj ni povos rekonduki la ŝipeton de nia sorto el la branĉrivero, al kiu ni lasis ĝin fordrivi, en la ĉefriveron, se eĉ ankoraŭ ekzistas espero pri tio."

Jen la trafa priskribo de la ekzistanta situacio en unu el la plej legindaj libroj de la lasta tempo.

La aŭtoro de tiu ĉi libro**) Albert Schweizer ne nur priskribis la vojon, kiu kondukas el tiu mizero de nia kulturo, dirante, ke premiso por savo el tiu ĉi domaĝo estas vivo sur bazo de nova optimisma kaj morala mondpercepto. Li montris al ni en vivo tiun ĉi novan ideon, speciale studinte medicinon, dume li antaŭe estis teologo (universitata profesoro en Strasburgo) kaj krome fama muzikisto por (vivante je malproksima posteno en Afriko) kontribui sian parton, ke la maljustaĵo, kiun Europo faris al la popoloj de Afriko estu riparata per agoj de amo al kunhomoj.

Certe ne estu trudata al iu, imiti tiun ĉi ekzemplon. Ne ĉio decas por ĉiuj.

Krome ankaŭ en Europo ne malmulto devas esti rebonigata.

Sed ĉiu el ni povas, se li volas, je sia posteno bazi sian agadon sur la sama sentimento, kiu animas homon kia estas Albert Schweizer.

Kia estas ĝis nun ĝenerale la sintenado de la homoj al la laboro kaj la vivo?

Se oni krude ekzamenas, povas esti observataj proksimume la sekvantaj prezentiĝoj:

La plimulto de l' homoj sendube estas senceremonie preta treete „kontentiĝi" pri ĉio ekzistanta sub la premiso, ke per tio ĝi materie iel fartas bone Kiel al sovaĝuloj, tiel ankoraŭ hodiaŭ al multaj kulturitaj homoj laboro ŝajnas kiel teda trudaĵo Homoj, kiuj pensas tiel, tamen kelkloje laboras eĉ multe kaj bone, por havigi al si super la nuda ekzisto ĝuojn, de kiuj ili dependas.

---

*) Ni enpreas kun aparta permeso de eminenta germana inĝeniero kaj aŭtoro ĉi tiun ĝis nun ne publikigitan artikolon. Ni estos tre dankemaj pro alsendo de represoj nacilingvaj al la tradukinto, adreso de la redakcio.

**) Albert Schweizer, „Disfalo kaj rekonstruo de la Kulturo", germanlingve, München 1925.

Tian sintenadon al la laboro mi emas nomi „primitivan", eĉ tie, kie la aspirita ĝuo havas pli altan gradon kaj ekzemple ampleksas laŭ nure racia disvolviĝo eventuale estantan bezonon pri rekono per aliaj, pri artista formigo de l' ekstera vivo, pri ĝuo al naturo. La laboro sole por atingi famon aŭ potencon, por regi homojn aŭ la naturon laŭ mia vidpunkto devas esti kalkulata en tion.

Kiel jam menciite, tiel orientitaj homoj eventuale kapablas fari multon kaj, eĉ ne volante tion, povas fariĝi bonfarantoj al la homaro. Kompreneble ankaŭ en ĉi tiu pli alta labor-percepto la primitiva laborado ankoraŭ krome ludas rolon por la propra avantaĝo, kvankam ne plu la regantan.

Ne plu pur-egoisma estas la laborado de la homoj, kiuj vidas sian vivcelon en la fondo kaj ekzistigo de familio, en kiel eble plej bona edukado kaj instruado de la infanoj

Al pli alta ŝtupo plue apartenas la pli romantika percepto de la laboro, kiu sekvas la vojon de tradiciaj komprenoj pridevaj kaj pro tio klopodas fari laboron, aŭ faras ĝin, pro ĝi mem; same la laboro pro natura aŭ enradikigita laboremo, la plej alta el ĉiuj egoismaj bezonoj; fine la laborado de tiuj homoj, kiuj kaptitaj de la romantikeco de l' moderna vivo pro certa sporta spirito disvolvas pasian laboremon. La prusa oficisto de la malnova periodo, la ŝvaba kaj la amerika laboristoj estas fortaj tipoj de tiu speco.

Se homo kun primitiva laborkompreno ĉiam estas nelibera laboristo, ĉar li agas nur pro materia neceseco, la homo, kiu agadas laŭdeve, pro laboremo aŭ laŭ amerika maniero laŭsporte, jam laboras pro propra impulso, do kiel interne libera homo, eĉ tie, kie li fakte troviĝas en dependa pozicio.

Tiom, kiom temas pri devokonsciaj homoj la idealo de l' vivo, laŭ kiu li laboras, esence estas en la pasinteco, kiam homoj de lia speco faris plej valoran surkonstruan laboron. Ankaŭ ne mirigas, ke la tipo de l' devokonscia homo ofte estas tre rerigardema, ke en ekstremaj kazoj li estas romantikulo de estinteco, kiu ekzistis — neniam. Ĉar alie li devus ĝuste ami la vivon de la nuntempo, kiu estas tiel nekredeble ekscitiga, varia kaj interesa. Unu eltrovaĵo postkuras la alian, ĉiutage la plej nekredeblaj mirakloj fariĝas faktoj, la plej kuraĝaj teknikaj revoj de ĉiuj tempoj: la homa flugado, la teloskopio, la telefonio, la telaŭdado fariĝis realaĵo. Certe neniam ekzistis pli granda heroeco ol tian postulas la vivo de l' nuntempo de ĉiu simpla homo en la ĉiutaga vivo.

En multaj teknikaj profesioj, ekzemple en la min-ekspluato aŭ la trafiko la konstanta vivdanĝereco postulas homojn de ne malpli multa kuraĝo ol heroo aŭ kavaliro de l' pasinteco iam ĝin posedis.

La amerikano, sentradicia kaj senantaŭjuĝa, „sen historioj pri fantomoj aŭ kaviliroj" — kiel trafe jam diris Goethe — plejparte ĝuste perceptis tiun timigan romantikecon de l' nuntempo. Oni sentas tion el senpasia sinofero kaj la priprofesia fiereco per kiu li plenumas siajn laborojn. Sed ankaŭ en nia moderna romanliteraturo, ja eĉ en la kreanta arto, oni tie kaj tie povas iom eksenti la ekkonon de ĉi tiu romantikeco de l' nuntempo. Oni nur memoru pri la verko de Kellermann „Tunelo." Eĉ verkisto kiel Börries von Münchhausen ne nur dediĉas sian kantaĵon al la antikva kavalirismo, sed ankaŭ al la draŝmaŝino. Tute ne necesas, paroli pri la poemoj de homo kiel Josef Winkler aŭ la kantoj de l' laboristo kaj poeto Lersch. Kaj trans la oceano jam antaŭ jardekoj estiĝis al ĉi tiu moderna mondo unika kantisto, Walt Whitman*). La plaĉo, kiun li renkontas ĝuste hodiaŭ, pruvas, ke ni iom post iom ekkonas, ke ni vivas en tempo, kiu pli ol iam nutras romantikan sentadon.

Sed nek laboro laŭ la devo-idealo de l' malnov-prusa tipeco, nek nura laboremo, nek romantikeco de l' nuntempo kun sporta spirito en la laboro laŭ amerika modelo, kiom ajn multvaloran ili jam estu farintaj aŭ ankoraŭ farortaj, kapablos ŝanĝi nian hodiaŭan teruran mizeron eksteran kaj internan en Eŭropo; ili povos plejeble tie kaj tie malgrandparte mildigi ĝin.

Por tio necesas, kiel jam menciite en la komenco, la kreon kaj disvastigon de tute nova vivideo. Sed ĝi ankoraŭ ĝis nun mankas al nia tempo.

Tio estas unuavice la origino de nia hodiaŭa mizero, tiel de la interna, kiel de la ekstera ekonomia.

La evoluo de multa granda de l' tekniko montras al ni la travivon de tiu ĉi mizero, la konsciado pri la sensenceco de l' estado sen granda, gvidanta ideo.

Nia granda poeto kaj homo Goethe tion trafe priskribis en „Faŭsto", sed li ankaŭ montris la novan vojon, tiel, ke oni devas miri pri tio, ke ni hodiaŭ ankoraŭ serĉas ĝin.

Plue tiu ĉi solvo, kiun donas Goethe, eĉ ne estas nova. Antaŭ preskaŭ du mil jaroj ĝin jam donis nia granda okcidenta fondinto de religio Kristo.

Tuta vico da eminentuloj de l' nuntempo, la amerikanoj Ford kaj Filene, multaj inĝenieroj, esploristoj kaj industriuloj, viv-reformemuloj ktp. tion esprimis en la lingvo de nia tempo klare komprenebla por ĉiu.

Antaŭ nelonge*) mi uzis la okazon laŭ diroj de tiuj homoj pli detale klarigi iliajn ideojn. Mi nomis ilin „Ideoj de la moderna tekniko", ĉar laŭ mia opinio en nia per la teknike fiksita tempo unuavice la tekniko devas esti regata de ili, se ĝi povu trapenetri kaj etiki en nia tuta vivo.

Oni povus opinii, ke ankaŭ Goethe antaŭsentis la decidigan gravecon de plenumo de ideo ĝuste por la teknika kreado, legante liajn mirindajn versojn en „Faŭsto":**)

„La marĉo iras laŭ montar'
Jam atingitan ĝi fetoras,
Forigi putran de l' ŝlimar'
Plej altan celon samvaloras.
Mi donas spacon al milionoj
Sekuran ne, sed liberan al la konoj."

Okazos al ĉiu sincere streĉanta homo, ke iam li ekkonos, same kiel Faŭsto lastamomente ĝin karakterizas, kiel la sole kontentigan agon de sia tuta maltrankvila vivo, ke nur tia speco de laboro *por aliaj* povas alporti kontentigon al la moderna homo.

Ne la agado kiel tia, eĉ se ĝi estus la laboro de l' granda pensinto, de esploristo aŭ artisto laŭ plej kreopova institucio, ne la laboro pro si mem, sed nur agado pro benoporta etiko de niaj faroj por la homaro donas al nia laborado la konsekron de plej alta homeco, eĉ se ĝi okazus je tiom modesta pozicio de la socia ŝtuparo.

La praktika amerikano Ford***) kaj lia samlandano Filene†) tion esprimas dirante, ke ĉiu laboro devas esti „servo pro la homo".

Albert Schweizer diras „servo pro la vivo"; tio eble estas ankoraŭ pli ĝenerala kaj pro tio ankoraŭ pli trafa.

*Laboro devas esti servo pro la vivo, speciale pro la homa vivo.*

Per tio nia tempo trovis sian direktodonan ideon laŭ kiu vivi estas eble al ĉiu.

Estas merito de la amerikanoj Ford kaj Filene esti montr-intaj, ke tiu „ideo de la moderna tekniko" ne estas fantazia. Ili gajnis milionojn per tiu vivorientiĝo kaj klarigas sian sen-ekzemplan materian sukceson unuavice per la sekvado de l' principo de l' servofaro. La sukceso de simile orientitaj entre-prenistoj en Eŭropo montras, ke la dirita ne nur validas por Ameriko.

*) Walt Whitman: „Mi kantas la vivon", „Herbo-trunketoj".

*) En „Kronacher Bund" 1925, 1-a, 2-a kajeroj, germanlingve.
**) „Faŭsto", 2-a parto (en granda antaŭkorto de l' palaco).
***) Ford: „Mia vivo kaj verko".
†) Filene: „Vojo el la ĥaoso".

Sen pozitiva orientiĝo de la gvidantaj homoj al tia ideo de l' tekniko, kian ni ĵus klarigis, dumdaŭre ne povas ekzisti riĉeco de nacio. Sen tia ideeco tamen, kiu konsideras riĉecon nur kiel konfiditan bienon, kiu devas esti utiligata por la bono de l' homaro, la riĉeco aliflanke ne povas disvolviĝi la en si enhavantan kulturokrean forton kiel rimedon por la progresigo de ĉio bona kaj bela en la mondo. Ĝi tiam male fariĝas detruiga potenco.

Tion instruis al ni la kulturhistorio de ĉiuj tempoj. Mi montris tion rilate la malnov-egiptan kulturon en studaĵo pri la partopreno de la tekniko en la disvolvo de ekonomio kaj kulturo en antikva Egiptujo. Tie mi trovis, ke por la sukceso de ĉiu homa kreado laste estas decidiga, ke kaj ĝis kia grado ĝi estas farata pro la morala emo je servofarado.

Ĉar ĉi tiu morala volo en plej granda mezuro sendube estis enhavata en la kristanismo de l' frua mezepoko, oni povis atingi tiajn altajn metio-teknikajn kaj kulturajn produktojn, kiujn ni admiras ankoraŭ hodiaŭ.

Ĉar la humanismo eliranta la tempon de l' renesanco en la epoko de la grandaj filozofoj kaj doktrinuloj de ekonomio, samkiel de la grandaj germanaj pensuloj, artistoj kaj homoj kiel: Kant, Schleiermacher, Fichte, Schiller, Goethe, Beethoven donis la bazon laŭ antaŭe neniam ekzistinta konsiderinde ĝenerala, morala alteco de homa sentado, povis kreiĝi la potenca tekniko de l' novtempo kaj kiel ĝia sekvo la moderna industrio.

Ĉar en la dua duono de l' 19-a jarcento disŝiriĝis la fadeno de ĉi tiu humanismo, Eŭropo falis en tiun teruran krizon.

Ĉiu el ni pro tio hodiaŭ portas en sia propra brusto tiel la eblecon je temposanĝo, je komenco de epoko, en kiu la atingitaĵoj de l' moderna tekniko povas disvolviĝi je plena beno al la homaro, kiel ankaŭ je „subiro de l' okcidento".

Tio validas por ĉiu profesio almenaŭ tiom, kiom ĝi estas tia, kiu per si mem vere servas al la homo.

Preskaŭ tutkompreneblan ni konsideras la orientiĝon je servo al la homo ĉe la kuracisto, la eklezĭulo, ĉe la scienculo kaj la artisto. Sed ne malpli tutkomprenebla ĝi devus esti ĉe entreprenisto kaj inĝeniero, kies tasko estas transformi naturproduktojn, ke ili estu kiom plej eble taŭgaj por kontentigo de l' homa bezono, ĉe la komercisto, kies tasko konsistas en tio, tie serĉi la varon, kie ĝi troviĝas abunde kaj konduki tien, kie ĝi mankas aŭ estas bezonata, ankaŭ ĉe la bankiero, al kiu apartenas la sama tasko, kiel al la komercisto, por la varo „mono".

Ne malpli la anoj de multenombraj aliaj profesioj, la ŝtatisto, la instruisto, la juĝisto, la oficisto, la dungito, la ekonomo, la metiisto kaj ne laste ankaŭ la manlaboristoj en ĉiuj kampoj de l' homa agado, ili ĉiuj povas, se ili volas, en sia laboro gvidigi sin de la principo de l' servofaro, kondiĉe, ke ili faras vere utilan laboron. Alian, ekzemple por la produktado de aĵoj malutilaj al la homo, honesta homo eĉ ne devus plenumi.

Se tia orientiĝo al la laboro iam ekzistos eĉ nur ĉe pli granda nombro da personoj, la hodiaŭ tiel akraj klas-kontrastoj, la grund-problemo, la demando de la elektota ekonomia politiko, la naciaj kontrastoj perdos sian akrecon kaj estos alproksimigataj al sia solvo.

Per la „principo de l' servofaro" por uzi vortojn de Henry Ford, ni fakte venis al la plej grava problemo de l' nuntempo, al la ideo de l' proksima okcidenta kultur-periodo. Ĉi tiu aŭ ekestos el tia idea orientiĝo aŭ tute ne estos. Temas do vere pri io, kio valoras tiom, ke ĉiu turnu sian atenton al ĝi.

Ĉu estas praktike eble tiel orientiĝo al la laboro kaj labori kaj vivi laŭ tiu principo?

Tio ne nur estas ebla, sed eĉ la pli bone komprenita avantaĝo de ĉiu homo.

Ankaŭ niaj plej personaj viv-cirkonstancoj ja estas surprizige pli facile estreblaj, se ni subigas nian tutan vivon al tiu nova ideo pri la celo de niaj laboro kaj vivo, kiu per tio akiras tute novajn valoron kaj sencon.

Ni tiam ja devas klopodi atingi kiom plej eble grandan kapablon en korpa, spirita kaj psika rilatoj por nia vivotasko de l' servofaro.

Se fine ni vivas pro la bezono voli servi al la homo — kio cetere ne estas samsenca kun tio, malsaĝe eluzigi sin — ni baldaŭ sentos kiel malhelpaĵon ĉion ne mem elektitan aŭ ne kiel prave rekonitan kiel limigon de l' libereco.

Ni same malmulte povos toleri esti sklavoj de pasioj, kiel la nenormala ĝuo de alkoholo aŭ tabako aŭ de iaj diboĉoj, kiel ne plu estos eble labori kiel laborsklavoj por nuraj profitinteresoj en tiaj produktejoj, kies produktoj malutilas al la homo, anstataŭ utili al li.

Kiel fieraj, liberaj homoj ni faros ĉion por kiom plej eble plenumi nian taskon kaj por tio klopodos ankaŭ havigi la rekompencon, kiu ebligas al ni per ĝusta flegado de l' korpo, per laŭnatura refreŝiĝo, per spirita pliperfektigo kaj karaktera memeduko ankoraŭ pli bone plenumi nian taskon.

Ni ankaŭ povos kaj devos kiel ĝis nun vivi pro nia profesio, nia klaso, niaj politikaj naciaj kaj aliaj celoj.

Ni nur kapablos ĉion prijuĝi laŭ pli alta vidpunkto kaj nur tiom partopreni en ĉio, kiom ĝi ne malutilas al la plej alta celo, la *servo al la homaro,* al kiu sole ankoraŭ ni povos konsekri nian vivon, post kiam ni ekkonis la signifon de tiu ĉi ideo.

Trad. *Rob Kreuz,* Genève.

---

# Kroniko de l' Paco.

**Inter-parlamenta unio** kunvenis en Washington por sia 22-a konferenco, dum daŭris la traktado en Locarno. Estis reprezentitaj 41 nacioj, kaj oni diskutis ĉefe pri la monŝanĝo, eksterlandaj ŝuldoj, merkatoj, doganoj kaj naciaj malplimultoj. La emo al la paco montriĝis tre klara. Laŭ la sugesto de fama juristo Elihu Root oni decidis entrepreni ellaboradon de la internacia leĝaro, disvolvante ĝin sur la moderna leĝ-ideo, tia kia ĝi esprimiĝas en la decidoj de la Arbitracia Kortumo en Hago. Devas esti kunvokita internacia konferenco, kiu zorgos pri verkado de „Libro de Internacia Juro", enhavonta difinon de fundamentaj rajtoj kaj devoj de popoloj, kaj al kiu estos aldonita „Libro de internaciaj punoj".

**Danlando.** La dana registaro decidis, ke ĉiujare estos dediĉata unu tago, 1 septembro, en ĉiuj lernejoj al la Ligo de Nacioj. Tiu dato memorigos pri la inaŭguro de la kunveno de la Ligo de Nacioj. La Ministerio de Instruado eldonos broŝuron, kiu klarigos la bazon kaj la celon de la Ligo de Nacioj; tiu broŝuro estos distribuita al ĉiuj lernantoj en tiu tago. Aliflanke la geinstruistoj havos plenan liberecon pri la maniero festi tiun ĉiujaran solenaĵon.

**Usono.** *Studenta komisiono por studi interrasajn rilatojn.* Unu studenta grupo de Maryville College invitis reprezentantojn de Knoxville College (por neblankrasaj studentoj) kaj de Tennessee-a Universitato al la diskutoj pri la projekto de kolektiva studo de la interrasa problemo. Temas atingi harmonian konkordon inter la du ras-grupoj, kiuj vivas najbare, sed kies kapabloj kaj sociaj ŝancoj estas malsamaj.

**Granda Britlando.** Pro la datreveno de l' interpaciĝo (armistico) ĉi-tiu-jare estis solenaĵoj pli kalmaj ol la antaŭaj. Kunvenoj kaj manifestadoj okazis en London, Bristol k. a. por propagandi kaj diskuti pacifistajn ideojn. En bankedo de Guildhall, kiu estas la plej impozanta civila ceremonio de London, S-ro Chamberlain sidis flanke de la germana ambasadoro. La „amikpokalo" rondiris ĉirkaŭ la tablo. S-ro Chamberlain diris je la adreso de sia ĉetabla najbaro: „Mi trinkis hodiaŭ vespere el la amik-pokalo, kune kun la ambasadoro de Germanio. Kion mi

faris hodiaŭ, tion povu fari morgaŭ niaj du popoloj." La gazetaro atentigis pri la fakto, ke germanaj subakvistoj venis el Kiel, kun specialaj aparatoj, por helplabori kun tiuj kiuj penadis trovi kaj elmarigi la anglan submarboaton kiu malaperis dum lastaj ventegoj. En ĵurnalo „Times" oni skribis pri dezirindeco de forigo de submarŝipoj, tiu deziresprimo venas de la prezidanto de Lloyd-kompanio, kaj ĝin aprobas multaj medioj.

**Norvegio kaj Svedio.** La du registaroj plilarĝigis siajn respektivajn leĝojn pri tiuj kiuj rifuzas militservi pro religia motivo, aldoninte ankaŭ tiujn kiuj tion rifuzas pro persona morala vidpunkto.

**Tut-pacifika movado.** En 1923 okazis en Aŭstralio dua scienca kongreso de nacioj loĝantaj ĉirkaŭ Paca Oceano. La tria kongreso okazos en Japanio 1926 laŭ la peto de la japana delegacio. Same kiel la antaŭaj, la tria kongreso studos sciencajn problemojn pri Paca Oceano, pri ĝia animala kaj vegeta vivo el vidpunktoj de fiziko kaj biologio, ankaŭ la praktikajn demandojn, ekzemple pri malsanoj, vestaĵoj, nutromanieroj, loĝejoj. Nomita en 1923 komisiono, kiu enhavas reprezentantojn de la interesataj nacioj ĉe Pacoceano, restos kiel konstanta organizaĵo kun celo de la scienca kunagado de tiuj landoj, kaj oni esperas, ke tiu kunlaborado sur praktika bazo formos inter tiuj nacioj solidan ligilon de la paco.

Laborista konsilantaro de la Aŭstralia Respubliko invitis laboristajn delegitojn de Ĉinio, Japanio, Kanado, Filipinoj, Havajoj, Singapur, Hindujo, Sud-Afriko kaj Usono por la Tutpacoceana Kongreso en majo 1926 en Sydney. La celo estas diskuti la danĝeron de milito inter la regnoj kiuj bordas Pacoceanon.

---

## Sekvoj de la prezaltiĝo.

(Laŭ *Charles Gide.*)

La prezaltiĝo diversmaniere influas la diversajn sociajn klasojn — oficistojn, rentulojn, komercistojn, bienulojn. Sed oni povas sin meti ekster la interesoj de tiu aŭ alia socia grupo, por demandi: ĉu la ĝenerala stato de la nacio suferas pro la prezaltiĝo, aŭ male gajnas. Kaj kia estas ĝia influo, konsiderata el vidpunktoj de moralo, intelekto, nacieco.

La prezaltiĝo, kiu rezultas el naturo mem de la socia ordo, ŝajnas esti bonefika kaj progresiga. Ĉar, efektive, ĉiu ekonomia progreso konsistas en plimultiĝo de loĝantaro, de bezonoj kaj de financaj rimedoj, kio entute rezultigas la prezaltiĝon, kiu tial estas signo de bonsano ekonomia, estante ankaŭ stimulilo de la produktado. Ĉiu produktanto pli volonte laboras, kiam li antaŭvidas la prezaltiĝon.

Sed la demando ne estas solvita per tiu unua afirmo. Ne estas certe, ke la *senĉesa* prezaltiĝo bone efikas sur la ekonomian sanon de la nacio. Senĉesa printempo ne estus bona, kaj la natura ritmo de la sezonoj, kun siaj vintroj kaj someroj, eble pli kunefikas al la organisma sano. La periodoj de prezmalaltiĝo estas periodoj de malvarmiĝo, kunpremiĝo, sinpreparo, dum kiuj la ekonomia kurado haltetas (frenas) por la bono. La fama industriisto Ford opinias, ke la prezmalaltiĝo estas faktoro favora por la fabrikanto.

Sed la produktanto, kiu vidas la prezojn malaltiĝantajn, ne povas optimiste atendi novan periodon de la prezaltiĝo. Por reagi kontraŭ, li serĉas rimedojn malaltigi la koston de la produktado. Tial la prezmalaltaj periodoj ofte estis rimarkindaj kiel epokoj de mekanika elpensado, de reorganizado teknika, ekonomia, eĉ morala. Ekzemple, la momento favora por organizi kooperativan movadon en la kamparo ne estas dum prezaltiĝa prosperado, sed ĝuste en la tempo de krizoj, prezfaloj, kiam la homoj serĉas solidare kunpremiĝi por la reciproka helpo.

Alia speco de la prezaltiĝo venas ne de la naturaj leĝoj, sed de la inflacio (tropresado de papermono). Tia prezaltiĝo estas malbona por la publikaj interesoj. Kaj se en tiu socia danĝero oni serĉas iajn avantaĝojn, kiel en la natura prezaltiĝo, oni ankaŭ trovas ilin, sed en difektita formo.

La inflacia prezaltiĝo ankaŭ stimulas la produktadon, ĉar ĝi senmezure grandigas la profitojn. Sed tia pliaktiveco ne plu estas energia pulso de l' sano, sed plirapidita pulso de l' febra atako. Tia stimulo estas kvazaŭ la alkoholo. Ĝi detruas du gravajn elementojn de la produktado: laboron kaj ŝparadon. Ĝi detruas laboron, ĉar oni komencas spekuli anstataŭ produkti por sin riĉigi. Ĝi detruas ŝparadon, ĉar neniu volas gardi monon kiu ĉiutage senvaloriĝas. Laboristo, dum inflacia periodo, ĉiusabate elspezas tutan sian sestagan salajron, eĉ aĉetante nenecesaĵojn, ĉar li scias, ke la mono restanta perdas sian valoron.

Alia sekvo de la inflacio estas grandega malegaliĝo de la sociaj klasoj. Unuflanke elkreskas novriĉuloj, facile kreiĝas milionuloj, aliflanke mizeras kaj ekonomie suferas homoj, kiuj antaŭe vivis ekonomie bone. En tiu socia abismo ĝermas baciloj de revolto kaj anarkio. Ĉiutage ĵurnaloj anoncas perdon de perloj, diamantoj, kiujn oni senzorge portas sur la stratoj, kaj ĉiutage oni legas pri sinmortigoj aŭ bankrotoj. La laboristaro suferas, kaj koleras kontraŭ la registaro kiu estas nekapabla ĉesigi tiajn skandalojn.

La inflacio pleje efikas sur la intelektajn laborantojn, kiujn ĝi preskaŭ dispremas. En Germanio unu privat-docento gajnis 100000000 markojn per siaj lecionoj al 50 studentoj, sed tio estis dum la inflacio, kaj liaj cent milionoj valoris ĝuste 60 orpfenigoj, t. e. malpli ol 1 svisa franko, por la semestra laboro. En Ruslando, en Besarabio, la situacio de intelektuloj estis ankoraŭ pli malbona, vere tragika, ol en Germanio. Universitata profesoro tie, ekzemple, gluis el kartono ludiletojn, vendotajn en la strato, por aĉeti panon. Vintri sen ligno, kun dudekgrada frosto en la ĉambro, estas jam kutima afero por tiuj kleruloj. La situacio de manlaboristoj estis multe pli bona dum la inflacia krizo. La libra produktado tre malpliiĝas pro la inflacio. Fariĝas neeble eldoni novan verkon, se la aŭtoro ne partoprenas en la eldonelspezoj. Kaj la neebleco presigi verkojn, influas al la verkado mem, ĉar neniu volas skribi, se li scias, ke lia manuskripto neniam publikiĝos. La ĵurnalistoj ricevas mizerajn pagojn, ĉar la honorarioj ne altiĝas same rapide kiel la vivkosto.

Pro la inflacio vegetas ankaŭ ĉiuj bonfaraj, filantropaj kaj sociutilaj institucioj, ankaŭ sciencaj societoj kaj institutoj. Pro tio suferas tiuj personoj, kiuj atendas helpon de la institucioj. Kiel rentuloj kaj pensiitoj ili dum la krizo staras sur la sojlo de morto. Multaj societoj de spiritaj movadoj tute malaperis dum la milito kaj dum la postmilita influo.

En la historio de la homaro la ŝuldanto estis ĉiam pli simpatia ol la kreditoro. Sed la inflacio ofte renversas tiujn du rolojn. Ni vidis domposedantojn en mizero, kiuj ricevis ridindajn lupagojn de la loĝejanoj tute prosperaj. La regno kaj bankoj nun estas ŝuldantoj, kaj la kreditoroj estas la publiko, kamparanoj, laboristoj, kiuj konfidas al ili sian monon. Do, nun tiuj kreditoroj fariĝas la viktimoj de la inflacia ekspluatado de l' regno kaj de l' bankaro. Asekuraj kompanioj, anonimaj financaj societoj gajnis tiom kiom perdis iliaj klientoj. Industriistoj kaj bienuloj de Germanio nun liberiĝis de ĉiuj ŝuldoj kaj hipotekoj, kaj la malriĉuloj, kiuj konfidis al ili siajn ŝparaĵojn, nenion ricevis.

Estus eraro pensi, ke la inflacio, senvalorigante la monon, senpovigas la kapitalojn kaj kapitalistojn. Male, ĝuste la kapitalistoj plifortiĝas dum tiaj krizoj, ĉar nur ili estas sufiĉe lertaj kaj finance spertaj por ne perdi la kapon dum la ĝenerala ekonomia paniko. Mezriĉuloj perdas tion, kion kolektas la profesiaj kapitalistoj.

---



# LITERATURO



## Jack London

de *Leonid Andreev.*

Mi amas la trankvilan forton de London, lian firman kaj klaran intelekton, la fieran kuraĝon. Jack London estas admirinda verkisto, belega speco de talento kaj volo, tendencantaj la instigon al la vivo.

Anglosaksoj estas pleje raso de viroj. Foje ŝajnas, ke ili tute ne havas la virinojn. Ilia agado en la mondo estas la agado de l' viroj jen senkompataj ĝis krueleco, jen libere kaj larĝe indulgemaj, konsekvencaj kaj fortaj. Por ili estas fremdaj la ekstazaj impulsoj de virineca Francujo, aŭ levanta je zenito de l' kreado, aŭ falanta en la marĉon de l' trivialaĵo, morala senforteco, fizika laciĝo. Ilia ekstazo estas malvarma kaj blanka fajro, brulanta samhele, senestingiĝe kaj severe. La grandiozaj brulegoj kaj katastrofoj vivigas la koron de Francujo, en ĝia vivvoĉo sonanta eĉ tra lipoj de Granda Napoleono, ĉiam aŭdiĝas la histeriaj nuancoj.

En ĉiam samhela lumo de suno vivas la spirito de l' maljuna Anglujo kaj de juna Ameriko; iliaj revolucioj kaj militoj estas tia sama tago, iom pli varma ol la aliaj. Foje ĝi estas eĉ tro varmega kaj la reĝoj, ne sciante kion fari al la vetero, en tiaj tagoj „perdas la kapon".

Spiritkuraĝa kaj granda estas la angla literaturo. Foje en la tuta mondo la viroj iom pliiĝis; — tio signifis, ke en Anglujo naskiĝis Byron.

Kaj kia estas ĝia rido!

Aŭskultu, kiel ridas Voltaire, — la saĝa, malafabla, malica maljunulo! — kaj komparu kun lia rido la ridon de kruele malvarma Swift: kvazaŭ ne la homo, sed la logiko mem ridas en severa konsekvenco de l' precize logika arto! kaj ĝiaj larmoj, ĝia timo kaj la frenezo!

La plej granda frenezulo de Anglujo kaj de l' mondo Edgar Poe, — samtempe estas la plej eminenta logikulo. Li neniam histerie palpitas, ne krias, ne lamentas, ne svingas senprudente la manojn; — antaŭ la fakto de sia frenezo kaj timo li estas viro, trankvila rezonulo, fiere humila atestanto pri sia pereo.

Jen estas denove nevola komparo: Edgar Poe kaj franco G. Maupassant kun lia histeria „Horla", timiga nur por la virinoj.

Kaj al Jack London, ankoraŭ juna, apartenas la eminenta loko inter la fortaj! Lia talento estas organika, kiel la bona sango, freŝa kaj firma, la fantazio estas riĉa, la sperto granda kaj persona, kiel tiu de Kipling kaj de Sinclair. Povas esti, ke London ne apartenas al iu literatura societo kaj ne sufiĉe konas la historion de la literaturo, sed li mem estis elfosanta oron en Clondyke, dronanta en maro; li malsatis en malpurejoj de urboj, en tiuj katakomboj, kie trafosita estis la fundamento de l' civilizacio, kie vagas la ombroj de l' homoj kun besta aspekto, kie la lukto por la vivo akiras la karakteron de l' morta simpleco kaj kruela klareco.

Ĉarma talento! Kun tiu talento de l' interesigo, kiun akiras nur sinceraj kaj veramaj verkistoj, li kondukas la leganton per amika kaj forta mano; kiam finiĝas la komuna vojiro, — tiam la adiaŭo fariĝas tiel bedaŭrinda, kaj denove oni serĉas, tiel sopiras al nova kunvidiĝo kaj renkonto. Legante liajn verkojn oni kvazaŭ eliras el iu malvasta senelirejo al senlima surfaco de l' maroj, spiras plenbruste la salgustan aeron, kaj sentas, kiel plifortiĝas la muskoloj, kiel forte instigas la eterne virga vivo al la laboro kaj lukto. Organika malamiko de l' senforteco kaj kadukeco, vana ĝemado kaj lamento, senigita je tiu senhonoriga kompato kaj bedaŭro, sub kies malserena mieno kaŝiĝas manko de volo por vivo kaj lukto, Jack London kviete entombigas la mortintojn, senbarigante la vojon por la vivantoj, — kaj tial lia enterigo estas serena kiel la edziĝa festeno.

Antaŭnelonge — komunikis la ĵurnaloj — en iu granda brita urbo, ŝajne Edinburgo, okazis brulego en la teatro.

Ĉu vi scias, kio estas brulego en la teatro, plena je publiko, virinoj kaj infanoj.

Kaj jen, kiam la malespera kaj furioza paniko estis komenciĝanta, kiam kiel antaŭsciigo de l' morto kaj invalidiĝo jam aŭdiĝis histeriaj ĝemoj de l' virinoj kaj tro impresemaj viroj, iu el la publiko leviĝis sur la benkon kaj laŭte ekkantis la anglan himnon: „Britanio, regu la marojn . . .".

Post momento de l' ekmiro, renkonto de l' du kontraŭfluoj, lukto de l' du fortoj, kaoso kaj homa volo, al la kantanto aliĝis ankoraŭ unu, poste la dua, tria . . ., kaj kanto kreskis kaj plifortiĝis, baldaŭ kantis jam la tuta teatro, kaj sub ritmaj sonoj de l' himno, laŭorde eliras la publiko, dum tie sur la scenejo furiozas la fajro kaj vivkorpe brulas la malfeliĉaj aktoroj, perdintaj la elirejon. Kaj ĉiuj eliris, pereis nek unu virino, nek unu infano!

Mi opinias, ke tiu ĉi nekonato, kiu ekregis la kaoson per volo kaj la ĝemojn aliigis je l' kanto — estis Jack London.

El la rusa tradukis
*N. Krasovski* (Ufa).

## „Geniulo."

*Humoraĵo de Abel Kommok.*

Farmacia lernanto en apoteko de urbeto Z***, Paul Bumker eksidis ĉe la tablo kun firma intenco komenci sian literaturan verkon, pri kiu li jam de longe revis, sed kies efektivigo estis ĝis nun malhelpata de la eksteraj cirkonstancoj. Hodiaŭ Bumker firme decidis komenci, kaj la cirkonstancoj nun tute favoris al la entrepreno. Hodiaŭ li estas deĵoronta tutan nokton, sola; kaj post la deka la klientoj ne plu venas, krom iaj eksterordinaraj okazoj, treege maloftaj. Ĝis la sesa matene li estos la reĝo, tutpova kaj aŭtonoma. Laŭ la antikva kaj tre respektinda kutimo de ĉiuj farmaciaj oficistoj, servantoj kaj lernantoj la dolĉa fako de la apoteko estas la kampo sur kiu rajtas paŝti ĉiu farmaciulo . . . dum la foresto de la mastro. Bumker tute respektis la antikvajn tradiciojn de sia metio, kaj ofte regalis sin per diversaj pastiloj „kontraŭ tuso", bombonoj „sur bazo de fitino", kontraŭvermaj piloloj, ĉiuj bongustaj kaj aromaj. Sed la plej agrabla estis la memstara kombinado, el sukero, migdaloj, mielo, siropoj, kiu havigis admirindajn delikataĵojn, duoble plezurigajn — pro la gusto kaj pro la danĝero. La danĝero estis de la flanko de la mastro, kiu nomis tiun respektindan tradicion la ŝtelo.

— Hodiaŭ mi havos la grandan nokton, plenan je la graveco, kaj tiu nokto meritas esti dece honorata . . . — Tial Bumker, antaŭ ol eksidi ĉe la tablo, preparis luksan kaj abundan regalaĵon, kies elementoj estis malavare ĉerpitaj el la tirkestoj kaj vitraj ujoj de la apoteko. Framba siropo, rubenkolora en la kristala glasego, ĉokolado preparita laŭ la propra maniero, kun migdaloj, poste diversaj pastiloj kaj minerala akvo. Por la fino estis en la projekto tilia „teo" kun bulketoj, kiuj estis sola produkto proze aĉetita en la urbo.

Do. precize je la deka, Bumker eksidis ĉe la tablo, bona kverka forta kaj vasta tablo, havante antaŭ si virge blankajn

foliojn da papero, kristalbrilan inkujon kun freŝa blunigra inko, elegantan plumingon kun tute nova orbrila plumo, kaj delikatan folion da roza sorba papero. Pli malproksime, dekstre, maldekstre kaj rekte antaŭ Bumker, solene staris la baterio da glasoj, vazoj, skatoletoj — kun la bongustaj produktoj supronomitaj. La sinjoreto plezure frotis la manojn, volupte kaj pie prenis la plumingon, trempis la senkulpan plumon en la virgan inkon, kaj karese metinte la maldekstran manon sur la paperon li pretiĝis por ekskribi. Grava momento . . . sortoplena kaj decidanta.

— Ĝi estu io pli grandioza ol la „Faust“ aŭ la „Divina Komedio.“ La titolo . . . Kion mi metos kiel la titolon? . . . La enhavo poste per si mem sekvos . . . Estas tre grava la titolo, de kiu dependos la sorto de la verko . . . Trafa titolo altiras la publikon kaj parolas pri la inda enhavo . . . La titolo estu mallonga, sed impona, majesta, kiel unua frapo de la sonorila lango. *Faŭsto, Dekamerono, Iliado, Sallambo,* io simila . . . sed tute nova, originala — (maldekstra mano de l' verkonto prenis kulereton da ĉokolado kaj malrapide enbuŝigis ĝin). — Aha, mi trovas . . . *Orfeus* . . . bela nomo, duondio-duonhomo, prapatro de la muziko . . . (la maldekstra mano duafoje ĉerpas la ĉokoladon kaj plirapide portas ĝin al la reveme malfermita buŝo). — Mi donos ebriiĝe belan harmonion, vibrantajn sonojn, lulantan gamon da sil — aboj . . . (la maldekstra mano atakas la ĉokoladon, kaj per tri sinsekvaj ĉerpoj plenigas la ardantan buŝon de la poeto) — Nu, mi triumfas, jen . . . — kaj Bumker kaligrafie bele metis sur la paperon jenajn kvar liniojn:

*Pri Orfeuso volas mi rakonti*
*Pramuzikistan dion volas mi prikanti*
*Homaron pri genio ja atenti*
*Kaj laŭdi lin, laŭdegi, kanti, tinti . . .*

(La dekstra mano malrapide serĉas la glason kun la framba siropo dum la okuloj vagas ie ĉe la plafono; post pluraj avidaj glutoj la sama mano remetas la duone malplenan glason kaj trovas la pastilojn).

Kun nova energio Bumker ekskribas, kaj naskiĝas la frazoj, kiuj longe vivis en la sino de la poeto, kiu nun sentas fortan senpeziĝon:

*Ne rampos mia kanto kiel la testudo*
*Kontraŭe, ĝi similos al la agl-flugado,*
*Kaj superŝutos la homaron la bukedo*
*Da belaj diaj floroj pri l' diido . . .*

Drrrrr . . . Drrrrr . . . eksonoris ĉe la pordo — Diabloj, mil diablegoj . . kiu estas? — Furioza Bumker forlasas la tablon kaj malfermas la pordon: eniras iu maljuna virino kiu petas kastoroleon, urĝe por sia malsana edzo. Kun streĉitaj brovoj Bumker silente plenumas la mendon, refermas la pordon, ree eksidas ĉe la tablo. Por trankviliĝi li gustumas la pastilojn, finas la ĉokoladon, finsorbas la framban siropon, kaj freŝigas sin per la minerala . . . Sed la inspiro ne plu revenas, malgraŭ ĉiuj penoj. Vane Bumker turmentas sian cerbon . . . la pensoj forestas, la kapo peziĝas, la okuloj fermiĝemas. La poeto faras superhoman penegon, revekas sin kaj komencas skribi:

*Sur monto Olimpa kunsidas diaro*
*Per nuboj kovriĝas la valo kaj tero . . .*

— Nun, restas trovi la versojn kun *liro* kaj *horo* . . . (maldekstra mano prenas unu bombonon kaj metas en la lipojn) — Jes la liro . . liro . . . La nobla sango de la poeto forfluas de la kapo, ĝin altiras abunda kvanto da dolĉaĵoj en la stomako, kaj la okuloj ree ekfermiĝas. Duondormo . . . Lukto de la konscio kontraŭ la dormo. Venko de la Morfeuso Batas la dekdua horo, sed Bumker ĝin ne aŭdas. Batas la unua, la dua . . . la sesa Drrrr . . . Drrrr . . . Drrr . . . Drrrrrrrrrrrrrr . . . Eksaltas Bumker; matenlumo; iu frapegas la pordon. Li kuras forgesinte pri ĉio. La mastro eniras, kaj sammomente Bumker rememoras ke li ne forigis la postsignojn de la noktofesteno. Liaj okuloj turniĝas al la tablo, la okuloj de la mastro sekvas, ilin, kaj . . . ĉio estas perdita.

— Aaa, jen kion vi faris dum la nokto! Bombonoj siropoj, minerala akvo . . . Bonege, tre bone! — La malsukcesinta poeto fikse rigardas la plankon, jen pala, jen ruĝega. Post unu horo li estas libera, maldungita.

* * *

Pasas du monatoj. Bumker ree laboras en la apoteko, en alia urbo. Hodiaŭ li estas deĵoronta, tutan nokton. Li estas kontenta resti sola, sen la mastro suspektema, sen la klientoj enuigaj. Hodiaŭ li finfine kreos sian grandiozan verkon, la *Orfeuson,* kiu jam multe al li kostis. La mastroj de la apotekoj, eĉ ĉiuj mastroj en la mondo, ne povas plu malhelpi la krean laboron. — Hodiaŭ mi festos la naskiĝon de mia ĉefverko, mi dece honorigos tiun grandan okazon. — Sed nun Bumker ne plu ŝatas la ĉokoladon faritan laŭ sia propra maniero, nek la framban siropon, nek la bombonojn „kontraŭ tuso.“ Hodiaŭ Bumker regalos sin per fraga „teo“, migdala „lakto“ kaj freŝa konfitaĵo el ĉerizoj, kiujn li hodiaŭ aĉetis kaj jam kuiris mem en la apoteka laborejo. La pano kun sardinoj estos la eniro al la festeno. Gaje pasas la vesperfesteno, kaj Bumker solene preparas la skribotablon, puran paperon, freŝan inkon, novan plumon, kaj la dolĉan baterion da ujoj kun la konfitaĵo, „lakto“, „teo.“ Pie li relegas la komencitan poemon, kaj daŭrigas:

*Eksonas arĝentaj akordoj de l' liro,*
*Ekkantas vibranta voĉaro de l' ĥoro*

*

*Luno timeme radias al l' lando*
*La militestroj kunvenas en tendo,*
*Dormas majeste la montoj de l' Pindo,*
*Lunon arĝentan spegulos la ondo.*

*

*De l' kristalpura akvaro de l' lago*

(maldekstra mano de la poeto trovas la kulereton, kaj la dekstra forlasinte la plumon, prenas ĝin por ĉerpi la konfitaĵon, kiu estas direktata al la buŝo, dum la penso vagas ĉirkaŭ la Olimpo). Kun duobla energio la poeto daŭrigas:

*Brilas en Lira stelaro la Vego*
*Ĉiuj estaĵoj . . .*

Drrr . . . Drrr . . . eksonis ĉe la pordo, kaj la poeto subite falis de la alta Olimpo surteren. — Cent tondroj . . . kiu estas? Estas neeble tiel labori — Bumker suferante leviĝas, malfermas la pordon, kaj ekvidas junulon kiu etendas al li la manon kun la kuracista ordono. Estas urĝe preparota medikamento por malsana suĉinfano Tio postulas duonhoron, kaj la junulo foriras. Sed la inspiro ne plu venas. Bumker provas ĉion kio povus reveki la dolĉajn sentojn, sed la rezultato estas la sama, vee la sama: laco, dormemo. Antaŭ ol la sonĝodio Morfeuso venkas la poeton, li sukcesas forigi ĉiujn postsignojn de la festeno, kaj lavi la ujojn. — Vego . . . Vego . . . ligo . . . togo . . . fugo . . . kun tiuj vortoj ekdormas Bumker, kiu nun tute firme ĵuras al si mem, ke li dum tiu ĉi monato nepre finos la „*Orfeuson.*“

* * *

Post jarduono estis finita la „Orfeuso.“ Bumker ĝin kopiis per ruĝa inko sur velena papero kaj sendis al 20 diversaj ĵurnaloj kaj revuoj. Pro tiu solena okazintaĵo li invitis siajn kamaradojn al kafejo „Blanka Aglo“, kie li regalis ilin je luksa vespermanĝo, ĉe kiu ili toastis pri la nova literatura stelo. Pasis unu semajno, kaj subite, kiel tondro el serena ĉielo, venis oficiala letero de la redakcio je la nomo de Bumker. Kapturniĝa momento. Horo de l' proksima gloro, eble tutmonda famo; la „Orfeuso“ tradukota en ĉiuj lingvoj, certe kolosaj honorarioj,

longa vico da intervjuistoj, portretoj de Bumker en la ĵurnaloj... kaj nature adiaŭ, adiaŭ por ĉiam la apoteko! Tiaj revoj furie dancis en la kapo de Bumker, kiam li tenis en la mano la redakcian leteron. Pro la korbatoj li ne povis sin decidigi malfermi la oficialan koverton — Feliĉa ideo! Li dualoje invitu la kamaradojn, kaj la letero estu malfermota kaj legota je fino de la solena vespermanĝo! — Dirite, farite. Ĉe la „Blanka Aglo" la gaja rondo, kun Bumker kiel centro, finas la bongustan vespermanĝon. Deserto, fruktoj, vinoj. Fine unu el la kamaradoj akceptas la honoron malfermi kaj legi la redakcian leteron. Profunda silento, kaj la voĉo nete sonoras:

„Estimata sinjoro, ni ricevis vian belan manuskripton titolitan „Orfeuso", el kiu ni konstatis ke vi havas grandan talenton, por verki rimversaĵojn. Tial ni kuraĝas proponi al vi unu laboron, pagotan de S-ro S***, apotekestro en Z*** nia amiko, kiu deziras — por reklami siajn pilolojn „Ara" — havi spritan kaj bele rimitan versaĵon..." La kamarado ne finis la leteron... Bumker, palega, kun tremantaj lipoj, elŝiris la leteron, dispecigis ĝin, same fulmerapide dispecetigis la belskribitan ekzempleron de „Orfeuso", kiu antaŭe okupis honoran lokon sur la tablo, kaj elkuris el la „Blanka Aglo" kun ĵurego ne plu verki kaj ne plu enpaŝi en la „Blankan Aglon."

---

# Maŝinisto.

*Andreo Niemojewski.*

En alta, malhela halo, sur kolosa cementa bloko ripozas ŝakta maŝino, kvazaŭ dormanta korpego de monstro. Du cilindroj kuŝas kvazaŭ piedoj; super ili, en krepusko, desegniĝas potenca svinga rado, sur kiu, kvazaŭ sur nuko, estas envolvita drata ŝnurego. En tiu momento la kolosa maŝinego ŝajnas esti senanima, monstra, vekanta timon. Tio estas iu slinkso, kuŝanta sur cementa bloko. Ĝi ŝajnas esti peza, senforma, ŝajnas esti monstre malsaneca kaj mallerta elpensaĵo de ia freneza fantazio. Ununura lampo, pendigita ĉe la flanka muro, ĵetas malagrablan lumon sur la tabulon, starigitan vertikale kaj signitan laŭlonge per linioj; ĉe ĝia supro sur metalfadeno pendas korforma triangulo. Antaŭ la maŝino, sur la konstruaĵo staras maŝinisto. En la dekstra mano li tenas brakon de la haltigilo, per la maldekstra li reguligas ventilan radeton. Li staras senmove en la krepusko, kaj lia lacigita rigardo haltas sur tiu brila linio, sur la tabulo, ĉe kies supro pendas la koro. Ekster la muro bruegas disspecigmaŝinoj, traŝutiĝas karbo, aŭdiĝas knaro de vagonetoj kaj miksitaj homaj voĉoj, disetendiĝas vera infero de tonoj kaj murmuroj.

En tiu momento oni duloje skuis sonorilon, lokitan super la svinga rado. La maŝinisto deturnis iom la ventilon, nerimarkeble movis haltigilon. Kolosa korpego de la maŝino vekiĝis, laŭvice leviĝis leviloj de l' piŝtoj, eksiblis vaporo en cilindroj. Sed la monstro ankoraŭ ne vekiĝis tute. Oni ree skuis sonorilon. La grandega rado komencas malrapide turniĝi, la leviloj leviĝas kaj malleviĝas laŭvice, kvazaŭ manegoj, ĉiam pli rapide mallaŭte, kiel piedoj de iu monstro el la speco de la katoj, malpeze, lerte. La kolosa maŝinego moviĝas, atingas furiozan rapidecon, la koro sur la tabulo timige rapide falas malsupren. La koro estas vagoneto! La vojo, kiun ĝi trakuras, estas mallongigita profundo de la ŝakto! Jam, jam ĝi atingas fundon, post momento ĝi disrompiĝos en la profundaĵo. Sed denove aŭdiĝas duloja sono, la eksvinga rado malrapidiĝas, la leviloj ĉiam malpli rapidas, la koro atingas fundon kaj haltas, la korpo de l' maŝino jam estas senmova, senpova. La maŝinisto ne delasas okulojn de l' brila linio, unu mano sin apogas sur la ventilo, dua tenas haltigilon. Ekster la muro la disspecigiloj bruegas ĉiam pli laŭte, en la halo estas malhele kaj neesprimeble malgaje. Denove aŭdiĝas duloja sono de l' sonorilo, la maŝino ekviviĝas, la svinga rado komencas furiozi, la leviloj, kvazaŭ grandegaj piedoj, leviĝas kaj falas, mallaŭte, rapide.

La koro sur la tabulo atingas supron, jam finiĝas la ŝakto, la monstro kvietiĝas, kuŝiĝas; nun tie oni eligas veturilojn el la vagoneto kaj ĉie estas karbo, karbo, karbo!

Denove sonas la sonorilo. Sed kio estas? Aha, kvarobla signalo! Ministoj malsupreniras en la ŝakton. La maŝino moviĝas kviete gardeme paŝas la korpo de l' monstro, mallaŭte, lerte, la koro de la tabulo malsupreniras malrapide. Ankoraŭ pli malrapidiĝas, haltiĝas: la vagoneto kun la ministoj atingis la fundon. Aŭdiĝas signalo. Du batoj! La mano ektuŝas haltigilon, deturnas radeton de la ventilo, la svinga rado kuregas, komencas denove furiozi.

Jam pasis noktmezo, jam longe pasis... Tie, ekster la minejo, ekster la kortoj estas malhele en la domoj, homoj dormas jam delonge — eble tuj komencos vekiĝi...

Tie, ekster la muro, la disspecigiloj mallaŭtiĝis... Ne! ili tondras senĉese, nur la sonĝo preterflugis super la kapo de l' maŝinisto... Sed li ekskuiĝis, jam denove li estas vigla! Li bone aŭdas signalojn kaj perfekte ilin distingas. Preskaŭ ĉiam du batoj. Venas karbo, nur karbo! La maŝinego laboras konstante, memstare, kaj la mano mem ĝin movigas. Tiu lumo sur la tabulo enuigas vidon, la palpebroj kungluiĝas. Por unu momento la tabulo malaperis. Ne malaperis, nur malklariĝis... Jesuo Mario! La maŝinisto frotas kun timo palpebrojn. Kio okazas hodiaŭ? Jes, dum momento li havis okulojn fermitajn, li vidis tabulon, sed vidis en sonĝo, aŭdis signalojn, la manoj mem movis haltigilon kaj ventilon. Disspecigmaŝinoj tondras ekster la muro, kvazaŭ ventego, kiu plifortiĝas kaj malfortiĝas, ĉiam malpli laŭte bruas, ĉiam pli mallaŭte.

Kiaj kriegoj subite ekaŭdiĝis? La maŝinisto ektremis. Tie estas ia krako, siflo, muĝo. Li malespere metas manon sur la haltigilon, turnas ventilon...

Oh, malbenita momento, unu momento!

Enfalas aro da homoj. Ia potenca mano ekkaptas lin je la brako kaj ekskuigas lin. Disetendiĝas krio, al sufokata muĝo simila. Walek, por Dio Ĉiopova! Ĉu vi ne aŭdis, ke oni sonoris kvarfoje? Vagono kun homoj ekfrapis la supron de l' ŝakto! Rompitaj ripoj, du homoj mortigitaj...

La maŝinisto aŭskultas ŝtonigita, sed ne komprenas ankoraŭ, kion oni diras al li. Li volas rememori kelkajn lastajn momentojn. Signalo... haltigilo... ventilo... la koro iris supren... ĉiam pli rapide... oni batis signalon... li aŭdis ĝin. Sed kia signalo tio estis?... Li ne povas ekmemori. Subite li kaŝas vizaĝon en la manojn kaj eksplodas per terura plorego. Tuta halo estas plena de homoj. Ĉiuj krias, movas per la manoj. Oni elkondukas lin sur la ŝtuparon.

La sceno de superhoma lukto kontraŭ la sonĝo estas finita. Nun komenciĝos leĝa dramo.

El la pola, kun permeso de l' aŭtoro, tradukis *Wladyslaw Mergel* (Warszawa).

# Golem.

(El „*Staré pověsti české*" de *Alois Jirásek*)

Dum la regado de Rudolfo II-a vivis en hebrea kvartalo en Praha rabeno Jehuda Lev-Ben-Bezalel viro tre instruita kaj sperta. Li estis altstatura kaj tial oni nomis lin „la granda rabeno". Bonege li konis ne nur Talmudon kaj Kabalon, sed ankaŭ matematikon kaj astronomion. Multaj sekretoj de la naturo, misteraj por homoj, estis al li konataj, kaj li trafis tiajn agojn, ke la homoj admiris lian magian povon.

La famo pri li disvastiĝis malproksimen tra la mondo, kaj penetris eĉ supren en la kastelon de sankta Venceslavo, al kortego de la reĝo Rudolfo. Lia kortega astronomo Tycho de Brahe tre estimis la instruitan Jehuda'n.

Sed la plej granda miraklo estis Golem, lia servisto. La potenca rabeno mem kreis lin el argilo; poste li vivigis lin metinte en lian buŝon „ŝemon"*).

Golem laboris tiom, kiom du homoj. Li servadis, alportadis akvon, hakadis lignon, balaadis kaj entute li faradis ĉiujn maldelikatajn laborojn. Sciu, ke li ne manĝis, ne trinkis, kaj ne bezonis ripozon nek respiron. Sed ĉiufoje, kiam komenciĝis hebrea sabatfesto, jam vendrede vespere, kiam devis ĉesi ĉia laboro, la rabeno prenis la ŝemon el lia buŝo; Golem subite rigidiĝis, ne plu movis sin kaj staris en angulo kiel figuro, senviva argilo, kiu post la sabato reviviĝis tuj, kiam la rabeno metis en lian buŝon la magian „ŝemon".

Sed unufoje Jehuda, ironte en malnovan sinagogon eksanktigi la sabatfeston, forgesis pri Golem, kaj ne eligis la ŝemon el lia buŝo. Sed apenaŭ la rabeno eniris en la preĝejon, apenaŭ li komencis la psalmon, jam alkuris al li homoj el lia domo kaj el la ĉirkaŭaĵo, ĉiuj timkonsternitaj, kun teruro, interrompante unu la alian, ili anoncis kriante: „kio okazas, kio okazis, Golem furiozas hejme, neniu kuraĝas proksimiĝi al li, ĉar li mortigus ĉiun."

La rabeno hezitis momenton; venis ja la sabatfesto, la psalmo komenciĝis jam Ĉia laboro, ĉia eĉ plej malgranda penado estis peko de post tiu momento. Li tamen ankoraŭ ne findiris la psalmon, per kiu sanktiĝas la sabatfesto, ankoraŭ ne venis la vera momento de l' festo. Li leviĝis kaj rapidis al sia domo. Ankoraŭ li ne ĝisiris kiam li jam ekaŭdis surdigan bruon, bareſsonantajn frapegojn. Li enpaŝis, dum la aliaj pro la timo marŝis iom malantaŭ li, kaj li ekvidis teruran detruitaĵon: disfrapitan vazaron, depecigitajn renversitajn tablojn, seĝojn, kestojn kaj benkojn, disĵetitajn librojn. Ĉi tie Golem estis jam fininta sian verkon de detruo. En tiu momento li laboris en la korto, kie kuŝis jam kokinoj, kokidoj, kato kaj hundo, ĉiuj mortigitaj, kaj kie li ĵus ektiradis el la tero tilion je dika trunko. Li estis tute ruĝa, la nigraj bukloj flirtis ĉirkaŭ la fruntoj kaj vangoj, kiam li elradikiĝis la arbon kvazaŭ iun palison el barilo.

La rabeno iris rekte al li; li rigardis lin fikse, havante la manojn etenditajn al ili. Golem ekskuiĝis, li malfermegis la okulojn, kiam la majstro lin tuŝis, kaj rigardis mirkonsternite en liajn okulojn, kvazaŭ li estus enkatenita de lia potenca vidsento. Kaj en tiu momento Jehuda etendis la manon al liaj dentoj kaj per unu manmovo elŝiris el lia buŝo la magian „ŝemon".

Golem'on kvazaŭ iu sube hakis. Subite li falis kaj kuŝis sen movkapablo, jam nur kiel argila figuro, senviva materio.

Ĉirkaŭe ĉiuj hebreoj, junaj kaj maljunaj, ĝoje ekkriis kaj plenaj de kuraĝo alpaŝis al falinta Golemo, ridis kaj insultis lin. Sed la rabeno, profunde elspirinte, ne elparolis eĉ unu vorton, ekpaŝis denove al la sinagogo, kie li en la lumo de lampoj denove komencis diri la psalmon kaj eksanktigis la sabatfeston.

La sankta sabata tago pasis, sed Jehuda ne plu metis la ŝemon en la buŝon de Golem. Kaj tial Golem ne levis sin, ĝi restis argila figuro; poste ĝi estis transportita al subtegmento de la malnova sinagogo, kie ĝi disfalis peco post peco.

El la ĉeĥa: *Rudolf Fridrich.*

---

*) Ŝem, hebrea magia skribaĵo.

# *Kataluna Antologio.*

Ofte ni plendis pri malgraveco kaj maldikeco de esperantaj presaĵoj. Kataluna Antologio feliĉe surprizas per la malaj kvalitoj. Ĉiel laŭdinda ĝi estas. Belega libro, riĉa enhavo, neta preso sur luksa nurlina papero, vera libramanta eldonaĵo, bibliotek-ornamo, ties fiero kies posedaĵo. Ne nur la eksteraĵo estas plaĉa; ne malpli valora la teksto mem. Serioze scienca en la historiaj, lingvaj, literaturaj studoj, kaj ankaŭ ĉarma legaĵo en la antologia parto, aro da poezioj, skizoj, humoraĵoj, noveletoj. La kompilinto kaj verkinto de la plej multaj tradukoj versaj kaj prozaj, S-ro Jaume Grau Casas, konfesas, ke li oferis multjaran laboron por realigi sian celon. Li sinceran gratulon meritas de la esperantistaro, kiel ankaŭ liaj samnaciaj kunhelpintoj. Amo al patrujo kaj deziro diskonigi ĉien ĝian spiriton kaj literaturan trezoron, fervoro al Esperanto, ilo de internacia reciproka kompreno kaj ŝato, jen ambaŭ sentoj, kiuj instigis, kuraĝigis la ĉeflaborinton. Lia moto estis: „Ni volas honori la lingvon de niaj prapatroj per la lingvo de niaj pranepoj".

La kataluna lingvo, asertas la aŭtoro, estas ne filino, sed fratino de la provenca, do samdevena kaj samaĝa kiel aliaj latinidaj idiomoj. Post brila floraro en mezepoko, politikaj cirkonstancoj malhelpis ĝian disvolviĝon, kiu nur dum la lasta jarcento reviglliĝis. Aparte interesa estas tio, ke S-ro J. Grau Casas konscias pri ia neantaŭvidebla simileco inter la spiritoj de ambaŭ lingvoj, el kiu sekvas, ke la kataluna, ĉefe ĝia poezio, estas pli facile kaj pli fidele tradukebla esperanten ol alia. Lingvistoj ŝatos la komparon inter parencaj lingvoj, la rimarkojn pri samspecaj vortoj, sintakso aŭ elparolado de lingvoj kataluna, hispana, franca, itala. Ankaŭ la tradukmetodo, preciza sed ne trovorta, celanta tekston facilan, por ĉiu kompreneblan, estas taŭga. Neologismoj aŭ lingvaj novaĵoj ne ŝajnis necesaj al iu, kiu prave diras tiun frazon, vipfrapon por multaj novemuloj: „Tiuj kiuj trovas grandajn mankojn en nia lingvo plej ofte montras nur proprajn mankojn". Pri la elekto de l' aŭtoroj kaj de iliaj tekstoj nur samnaciano povas juĝi; fremdulo nur konstatas, kiom valoraj por komparo inter naciaj literaturoj estas la ĉerpitaĵoj el malnovaj verkistoj, kaj kiom prave oni tamen lasis la plej grandan lokon por modernaj aŭtoroj; tiel oni pligrandigis la intereson de l' libro por la nefakuloj, kiuj, se ili ne ŝatas lingvistikon, literaturon, detalajn biografiojn, trovos plezuron en la multaj kantantaj poezioj, spritaj rakontoj, romanecaj paĝoj. La antologio do povas servi al beletristoj, profesoroj, studentoj, kaj same plaĉi al ĉiu legemulo.

Jen ĝiaj ĉefaj partoj. Unue ĉapitroj pri deveno, strukturo, disvolviĝo de la kataluna lingvo; historio

de la kataluna literaturo, celo de l' antologio. Ĉi tiu konsistas el tri partoj. Unue: Antikvaj aŭtoroj, kun notoj pri kaj tradukoj el ok verkistoj de la 13-a ĝis 15-a jarcentoj. Francoj rimarkos la grandan simil-econ inter la temoj traktitaj de francaj kaj katalunaj mezepokaj verkistoj. Due: Popolkantoj, kun studo kaj naŭ arioj akompanantaj tekstojn. Tiu dua parto jam aparte estis eldonita. Trie: Modernaj aŭtoroj, kies biografioj kaj citaĵoj plenigas tri kvaronojn de l' libro. La granda nombro de poetoj ne mirigos ĉe la lando de l' iamaj trobadoroj.

Por ke la elektitaj tekstoj estu plejeble interesaj, oni akceptis prefere mallongajn, tiel forigante ĝenerale scenojn de teatraĵoj aŭ ĉapitrojn de romanoj, kiuj sen resumo de tuta verko estas efektive tro erecaj. Pro la sama motivo, dezirante represi kelkajn paĝojn por konvinki pri la boneco de l' tradukoj, ni devis kribri la malpli ampleksajn; ili do nur estas speci-meno de l' stilo, sed tute ne sufiĉaj por doni ideon pri la riĉeco kaj varieco de unu el la plej atentindaj verkoj en nia lingvo. *G. S.*

* * *

## Kanzono.

(Joan Roïç de Corella, 1430—1500.)

*Por mia vund', sola balzam'*
*estas la blu'*
*de l' rigard' via, se ĝi iam*
*ne volas plu*
*ke mortu mi pro via am'.*

*Klarigos sin post mia mort'*
*mia pasi',*
*kaj ja ne aŭdos vi sen plor'*
*ke mortis mi*
*ĉar min ne amis via kor'.*

*Por mia vund' estas balzam'*
*nur la influ'*
*de dolĉ-rigard' diranta jam*
*ne voli plu*
*ke mortu mi pro via am'.*

*

## El „La songô", libro tria, fragmenteto.

*Bernat Metge* (1350—1412).

Vi ĵus diris, ke vi amas kaj estas kore amata de virino, kiu egalas aŭ superas en saĝo, beleco kaj gracio ĉiun vivantan virinon: aŭ tiu ĉi estas via edzino, aŭ ne. Se tiu estas via edzino, malsaĝe vi estas parolinta, ĉar vi laŭdis vin mem, pro tio ke ŝi estas karno de via karno kaj osto de viaj ostoj, kaj laŭdi sin mem, se Aristotel diris vere, estas tre vante. Se tiu ne estas via edzino, vi ne povas diri, ke vi estas kontenta pri tio kion vi havas; ĉar esti kontenta ne estas io alia ol ripozi en sia deziro kaj eviti deziri superfluajn aĵojn. Kaj ĉar al viro, plie se li estas katoliko, kiel estas vi, devas sufiĉi unu virino, tio estas lia edzino, nepre sekvas, ke el du aferoj okazas unu, nome: aŭ ke vi estas malsaĝa aŭ vanta, pro tio ke vi laŭdis vin mem, aŭ ke vi ne estas kontenta pri tio kion vi havas, kaj sekve vi ne havas la bonon troveblan en monda feliĉo . . . .

*

## Kial?

Josep Carner.

*Kial havas pli da ĉarm'*
*la burĝon', ol plena flor'?*
*Kial plaĉas al la kor'*
*tiom vorto de infan'?*

*Kial plaĉas pli tagiĝ'*
*ol tagmezo tute hela?*
*Kial ĉio estas bela*
*pleje, ĵus post la naskiĝ'?*

*Burĝon', tagiĝo, espero . . . .*
*— plejaj bonoj por la kor'!*
*Ĉar sen fino flugas for*
*baldaŭ ĝojoj sur la tero.*

*

## Eltrovo de la kiso.

Josep Carner.

*Nu, fratoj estis Amo kaj* Forges'
*kaj inter ili regis harmonio.*
*(Am', la pli aĝa, skuas nin sen ĉes';*
*la pli juna, kurac' estas por ĉio).*

*— Mi trovis — diris Am' — (granda sukces'!)*
*ion novan: la kis', flor' de pasio,*
*de la buŝoj sigel', milda kares'*
*kun mallaŭta kaj longa melodio.*

*Sed mi timas, ke l' homo, sen prudent',*
*mortu sentante tian dolĉan ĝuon,*
*ĉar ja difektas lin vivi tro ĝoje.*

*— Por ke ne venu la danĝer-moment'*
*— diris* Forges', *— mi metos dorm-enuon*
*en ĉiun troan kison ĉiufoje.*

*

## La granda arbo.

*Apel' les Mestres.*

I.

Proksime de la vojo staras altega arbo, kiu tute ŝajnas en-igi sian supraĵon en la bluon de la firmamento.

Apud la piedo de l' arbo pasis homo kiu, mire ĝin rigard-inte ekkriis:

„Ĝi estas belega arbo!"

Kaj li daŭrigis sian interrompitan marŝadon.

Poste pasis dua trairanto kaj tiu ĉi ankaŭ pensis, ke la arbo estas belega, sed ne malferminte la lipojn por tion diri, pasis ne haltinte.

Pli malfrue pasis tria marŝanto kaj tiu ĉi eĉ ne atentiĝis pri la estado de l' arbo.

II.

Fine alvenis du frenezuloj. Unu el ili intencis grimpi ĝin; sed apenaŭ li atingis la unuajn branĉojn falis teren kaj rompiĝis lia kapo. Tiam oni vidis, ke li havis nenion en ĝi.

Lia kunulo intencis same grimpi; sed, per pli da ruzo aŭ da fortoj ol sia antaŭulo, sukcesis atingi la supraĵon kaj de tie li povis atente rigardi la mondon — malgrandan — tre mal-grandetan! — kuŝantan sub liaj plandoj.

Kaj la mondo proklamis lin Geniulo.

III.

Kaj daŭris pasante homoj kaj homoj kiuj, kiel tiu unua, haltis momenton por admiri la Geniulon, kaj ekkriis:

„Eble la frenezulo kiu falis estis tia Geniulo kia tiu ĉi . . . sed la sorto ne favoris lin."

Tiuj ĉi estis *la inteligentuloj.*

Kaj pasis pli multaj homoj kiaj la dua, kaj nek ion dirante nek haltante, ili sin komplezis pensante:

„Eble tiu ĉi kiu atingis la supraĵon estis tiel freneza kiel tiu kiu falis . . . sed favoris lin la sorto.“

Tiuj ĉi estis *la saĝaj personoj.*

Kaj pasis pli multaj homoj, — ho, multegaj pli! — kiuj, kiel la tria, daŭris en sia marŝado nenion pensinte eĉ ne suspektinte la ekzistadon de la frenezulo, nek tiun de la Geniulo.

Kaj tiuj ĉi estis *la grandega plimulto,* kiuj nomas sin *preskaŭ ĉiuj.* — Kaj tiuj ĉi estas kiuj faras kaj malfaras ĉar la tero estas ilia.

*

## *Distancoj.*

Gloso el *Eugeni D'Ors* (Xenius).

Al mia amiko A. B.

Ne estas, estimata amiko amerika, la sama distanco de Eŭropo al Ameriko kiel de Ameriko al Eŭropo. De Ameriko al Eŭropo estas kelkaj dolaroj. De Eŭropo al Ameriko estas manpleno da frankoj.

Ankoraŭ pli — kaj tio ĉi estas gravega, sendube — de Ameriko al Eŭropo iradas kaprico. De Eŭropo al Ameriko iradas kapitalo. Tial de Ameriko al Eŭropo oni kutime venas kun la iluzio de la bona elspezo. De Eŭropo al Ameriko oni kutime iras kun la deziro de la bona profito.

Ankoraŭ pli — kaj tio ĉi pliigas ankoraŭ la diferencon. — De Eŭropo al Ameriko oni faras ĉiam vojaĝon „iran“. De Ameriko al Eŭropo oni faras ĉiam ian vojaĝon „revenan“.

Ankoraŭ pli — kaj tio ĉi jam estas decidiga. — Vojaĝo en Amerikon havas ĉiam ion similan al *esplorado.* Vojaĝo en Eŭropon ion similan al *pilgrimado.* Dum la unua, nia fantazio, estante sur maro, vidigas al ni en la malproksimo iun arbaron. Dum la dua, nia fantazio vidigas al ni Romon kaj la kupolojn de Romo.

---

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj“. Subtitolo: „Tra la libraro“ aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

### Nova originala romano. — Diversaĵoj.

*

Apero de originala verko estas nune ankoraŭ rimarkinda okazo. Kiam ĝia aŭtoro estas Julio Baghi, pliiĝas nia scivolemo. „*Viktimoj*“ seniluziigos nek la ŝatantojn de romanecaj libroj, nek la fidantojn al la talento de l' verkinto. Ĉiu scias, ke li mem travivis longan kaptitecon en Siberio, ke li ankaŭ estis viktimo, kaj oni rajtas supozi, ke propraj spertoj aŭ memoroj pli ol fantazia imago inspiris lin, kio pli valorigas lian romanon.

Viktimoj estas ĉiuj ĉefaj personoj, viroj kaj virinoj, en tiu esence tragika okazaro, viktimoj de l' kruela milito, de l' familia perforta disigo, de l' maljusta socia aranĝo, de aliaj homoj pli potencaj aŭ pli perfidaj. Eĉ la naturo ne indulgas; kiel unu el ili diras: „La vivo fuŝas naŭdek procentojn de siaj manuskriptoj“. Kaj la libro lasus penigan impreson se tamen ĝi ne montrus, ke, malgraŭ ĉiaj suferoj nemerititaj, homoj restas funde idealistoj, malegoistoj, ke sufiĉas fajreto por reekbruligi en ili ardon al noblaj sentoj, al heroaj agoj.

La portretoj de l' personoj fiksiĝas en la memoro: la altanima artisto Johano Bardy ĉefe, lia amiko Dolŝky kun memtrudita skeptikeco, la mizera „ĉiesulino“ Fiza, avida je memofero. Scenoj ankaŭ desegniĝas antaŭ la okulo: la nokta reeniro de l' duonebria Dolŝky, la komercemo de l' multparolema judo Izor, la katina delogemo de Katja, la stranga ekscio pri edzina trompo de Dogler kaj lia stranga duelo, la kortuŝa vartado kaj redono de l' trovita infaneto, la terura animstato de Johano, kiu devas surscene ludi komedion dum familia katastrofo ĵus trafis lin, ne forgesante la okazoj militaj aŭ malliberejaj.

Leganto tuj sentas, ke la verko ne estas traduko kaj ke majstras la lingvon la aŭtoro. Multaj frazoj tion pruvas; jen nur tri ekzemploj: „La rondeta vizaĝo, kies vangojn karesis ruĝaj la frumatena vento. — Li detranĉis grandan pecon el pano, kies koloro similis al la humo en kiu ĝi kreskis en sia tritika periodo. — La nokto silentis. Ĝiaj malgrandaj lampetoj palpebrumis dormeme inter la blankaj nuboj.“ Ankaŭ rimarkinda estas, ke humoro kaj sprito miksiĝas en okazoj ĉefe malgajaj, ke paradoksoj ne mankas. Jen Dolŝki la virinmalamiko disputante kun militkaptitoj ine vestitaj antaŭ teatra prezentado ekkrias: „La virinoj, ankaŭ virseksaj, estas abomenindaj kreitaĵoj.“ Cetere ankaŭ li poste diros: „La virina logiko estas ĉiam ĉarma, kvankam tre erara.“

La stilon mi do laŭdos ĉar tute adaptita al la verko, facila, vigla, tre esperanta. Pri nemultaj vortoj aŭ formoj (premiero, satisfakcio, ekspedi sin) oni povus diskuti; sed la ĉefa farebla riproĉo iras ne al la aŭtoro sed al la korektintoj, kiuj lasis tro da preseraroj kaj la la eldoninto, kredeble ankaŭ viktimo de malfacilaj cirkonstancoj, ĉar li domaĝis la paperon; tia verko meritus preson per pli granda literaro kaj sekve pli ampleksan formaton.

Kreskante laŭ nombro, la esperantista popolo havas devon sukcesigi romanon, kiu kune posedas nedubeblan intereson, bonan stilon, kaj samtempe skizas aŭtentikan pentraĵon pri dummilita epoko.

*

En Esperantista Dokumentaro eldonita de Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado (Sidejo: Genève) aperis la oficiala raporto pri la *Deksepa Kongreso.* Ĝi entenas la protokolon de l' malferma kunsido kun la paroladoj de S-roj Stettler, Oltramare, Privat, Desgouttes kaj S-ino Morris, protokolojn de l' labora kaj ferma kunsido, financan raporton, statistikon, kaj anekse, represitajn el la kongresa libro la raportojn de oficialaj institutoj, C. K., K. R., L. K. kaj Akademio.

*

Okaze de l' tria *Iberia Kongreso* estis eldonata luksa kongreslibro, kies ĉefa parto estas gvidilo pri Andaluzio, kun multaj belaj bildoj. Dua libreto, ankaŭ kun fotografaĵoj donas impresojn kaj raportojn pri la sama kongreso. Malofte nacia kunveno estis ĝis nun anoncita kaj priparolita per tiaj belaspektaj presaĵoj.

*

S-ro Pizzi verkis poemon: *„En la mondon venis nova sento“* uzante la ritman senriman dekunusilaban verson tiel ofte troveblan en klasikaj verkoj. Sekvas seso da poezioj kun religia tendenco kaj psalmo. La tuto estas bone verkita kaj eldonita.

*G. S.*

---

## Novaj libroj.

*

**Viktimoj.** Romano el la vivo de siberiaj militkaptitoj. *Julio Baghi.* 1925.

Eldono de la Hungara Esperanto-Instituto, Eötvös-utca 3, Budapest VI.

162 paĝoj, 12 × 16 cm. Prezo: 25000 kr. hung.

**En la mondon venis nova sento.** Poemeto, katolikaj poezioj kaj psalmo. *F. Pizzi.*
Eldonejo A. Paolet S. Vito al Tagliamento, Italio.
24 paĝoj, 15×22 cm. Prezo: 2 lir. ital.

**Gvidlibro de la III-a Iberia Kongreso Esperantista.** Kordovo, 10—12 majo 1925. Kongreslibro, samtempe gvidilo tra Andaluzio.
42 (+ 34) paĝoj, 14×21 cm.

**Raporto de la III-a Iberia Kongreso Esperantista.** Impresoj kaj raportoj. Aldono al la kongreslibro.
42 paĝoj, 14×21 cm.
Eldonitaj de la Organiza Kongresa Komitato, Kordovo, 1925.

**Esperanto Nyelvtan.** (Esperanto-gramatiko). Kezdö tanfolyamok számára. II *Javitott Kiadás.* 1925.
Magyarországi Eszperantista Munkások. Budapest IX, Marton-u.
96 paĝoj, 11×15 cm. Prezo ne montrita.

**Deksepa Universala Kongreso de Esperanto.** Genève, 2—7 aŭgusto 1925. Esperantista Dokumentaro. 1925.
Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 12 Boulevard du Théâtre, Genève, Svislando.
48 paĝoj, 16½×25 cm.

**Kataluna Antologio.** Kompilita de *Jaume Grau Casas.* Barcelona 1925.
416 paĝoj, 15½×22 cm.

**Esperanto I: Sprachlehre — Esperanto II: Übungsstoff** von Prof. Dr. *Joh. Dietterle,* Leiter des Esperanto-Instituts für das Deutsche Reich.
Ferdinand Hirt & Sohn in Leipzig, Esperanto-Abteilung.
I: 44 paĝoj, II: 38 paĝoj, 14½×22 cm. Prezo: po 0,90 Rm.

**Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj** de Msgro de Ségur. Laŭ la germana traduko de P. Henriko Müller, esperantigis D-ro Adolfo Halbedl. 1925.
„Styria" Universitata Presejo kaj Eldonejo, Graz.
212 paĝoj, 12½×19 cm. Prezo: 5 aŭstr. ŝil.

**Metoula-Sprachführer Esperanto** von *Karl Stache,* Diplomhandelslehrer.
Langenscheidtsche Verlagsbuchhandlung, Berlin-Schöneberg.
128 paĝoj, 8×13½ cm.

**Kompletny Podrecznik,** Jezyka Miedzynarodowego **Esperanto.** Kompleta Lernolibro. Dua eldono, korektita kaj plenigita. *Leo Turno.* Krakow 1926.
Nakladem Towarzystwa Esperanto, Leopold Dreher, Krakow 37, Starowisina.
68 paĝoj, 11½×16 cm. Prezo: 1 zl.

**Teritoria Tribuno de UEA-Delegitaro en Ĉeĥoslovakio.** N-ro 1. 1. XI. 1925. (Aperas laŭbezone.) Redaktoro kaj eldonanto Otto Sklenĉka, ĉefdelegito de UEA, Hradec Králové.
24 paĝoj, 12×16 cm.





## NOTOJ



**Popola rimedo kontraŭ la ordinara malvarmuma febro.** Oni rompu freŝan ovon kaj deŝiru pecon da maldika membrano kiu estas inter la ŝelo kaj la blanko. Tiun membranon oni metu ĉirkaŭ la malgranda fingro de la maldekstra mano. Se dum la nokto tiu fingro doloros, la malsanulo povas esti tute certa ke lia febro estos malaperinta. La scienco eltrovis, ke la freŝa ovblanko enhavas ian substancon, kiu estas kvazaŭ veneno por la homa sango (ne por la stomako). Tie! oni povas kompreni la strangan doloron de la fingro kaj la resaniĝon, pro la ova membrano.

**Kvanto de diamantoj en la mondo.** Hindio produktis ĝis la XVIIa jarcento 2000 kg da diamantoj. Brazilo havigis 2500 kg da ili, de la 1723 ĝis la 1870. Produktado de diamantoj en S.-Afriko de la 1870 ĝis nun estis 34.000 kg. En la mondo do ekzistas nun pli ol 40.000 kg da diamantoj, kiuj estas foruzataj en la vitra industrio, sed pleje por fabriki la juvelojn, ĉu novajn, ĉu malnovajn. Parto de diamantoj servas por la spekulado, ĉar ili ne detruiĝas kun la tempo kaj pezas malpli ol oro. La kruda valoro de la tuta provizo da diamantoj estas proksima al unu miliardo da orfrankoj, dum la valoro de tuta oro, ekzistanta en la mondo, estis samtempe ĉirkaŭ 70 miliardoj da orfrankoj. (Laŭ *B. S.*)

**La plej potenca lokomotivo** en la mondo estas konstruita en Usono, por la *Virginia* fervojo. Ĝi estas elektra, longa 45 m, peza 637 tunoj, forta je 7125 ĉevalpovoj. Fakte ĝi konsistas en 3 veturiloj kunigitaj. La elektra forto kiu ĝin movigas atingas 22000 voltojn.

**Unua fervojo** estis inaŭgurita 27 septembro 1825, do antaŭ 100 jaroj, en Anglujo, inter *Stockton* kaj *Darlington.* Lokomotivoj por tiu fervojo estis konstruitaj sub gvidado de fama *George Stephenson.* Ili havis po kvar radoj, havigis forton de 10 ĉevalpovoj, pezis 6 tunojn kaj povis „kuregi" kun rapideco de 13 km hore.

**Postmilita malfarado.** En junio 1919, la militkaptitaj germanaj ŝipoj estis subakvitaj per la patriota ŝipanaro, en la golfo *Scapa Flow.* Nun, la brita marestraro komisiis al la granda firmo, *Cox and Danks* en Londono, eltiri la ŝipojn el la maro, ĉar ili embarasas la golfon. Flosanta doko, kun aeropumpoj, longa 66 metroj, servas por tiu grandioza operaciado. Unue oni elmarigas torpedŝipojn. Estas interesa fakto, ke la ŝipoj aperas el la marfundo nerekoneblaj: ferdeko, kanonoj, flankoj, ĉio estas kovrita de surkreskintaj algoj, muskoj, konkoj! Oni disfamis interalie ke en unu ŝipo estis trovitaj kvin skeletoj de la oficiroj. El 26 torpedŝipoj jam estas eltiritaj 14. En la 1926 oni komencos eltiri krozŝipojn *Hindenburg* kaj *Seydlitz.*

**Aerorekordoj.** Piloto *Arrachart* kaj inĝeniero *Carol* sukcesis traflugi 7600 km., en 3 tagoj, sur aeroplano „Potez" kun motoro 450 ĉ. p. La 10-an de aŭgusto ili flugis 12,30 h. de Parizo ĝis Konstantinoplo (halto en Belgrado). La 11-an ili aeriris de Konstantinoplo ĝis Moskvo, en 11 h. (halto en Bukureŝto). La 12-an ili flugis 14,30 horojn de Moskvo ĝis ree Parizo (haltoj en Varsovio kaj Kjobenhavno). Du aliaj aviadistoj *Drouhin* kaj *Laudry* flugpromenis senhalte, t. e. ne alteriĝante, dum 46 horoj, en vojo de 4400 km.

**Parko Nacia Hispana,** laŭ ekzemplo de la Usona kaj Svisa, ekzistas en Pireneoj, ĉe la franca limo, apud fama cirko *Gavarnie,* en valo de *Arazas.* Speciala komisiono administras tiun sovaĝan angulon, kie la virga naturo ne estas tuŝita de l' industrio, kulturo kaj turismo. Tie altas gigantaj praarbaregoj, tie vivas lastaj montokaproj kun spiralaj kornegoj, kaj torentoj murmuras en majesta silento. Pro la tre malfacila vojo de l' hispana flanko la vizitantoj preferas penetri en la Parkon el la cirko *Gavarnie,* tra *Boucharo, Ordessa, Tozal.*

 TRA LA MONDO ESPERANTISTA 

# TRA LA FAKOJ.

## Ŝufakuloj.

Por kolekti materialon pri la nuna stato de la ŝu-industrio kaj -komerco tutmondaj mi alvokas la afablan kunlaboron de ĉiuj ŝufakuloj esperantistaj. Ĉar per la sukceso de mia enketo mi volas pruvi la praktikan valoron de Esperanto al oficiala organo mi esperas pri vigla kunlaboro. Mi bezonas informojn kiel eble plej detalajn pri:

1. la nuna stato de la ŝu-industrio en la diversaj landoj,
2. la evoluo de la industrio depost la mondmilito. Komparo de la farado, eksporto, importo de diversaj artikloj hodiaŭ kaj antaŭ la milito (precipe en la transmaraj landoj),
3. reklamo de ŝumagazenoj (se eble kun afiŝoj kaj gazetanoncoj),
4. Fakgazetoj kaj ŝumodgazetoj ilustritaj

ktp. ktp.

Skribu pri ĉiu interesa kiun vi scias.

Mi dankas antaŭe al miaj kunlaborantoj kaj restas je ilia dispono por reciprokaj servoj. Rekompencon mi ne povas promesi sed donos se iel eble. Pri la sukceso mi raportos.

La afero urĝas!

*Ernst Wiener,* del. UEA,
Meissen a. E. (Germanio), Rauhentalstr. 2.

* * *

## Kooperativa movado.

Ni ricevis Almanakon de la „Centra Asocio de Konsum-Kooperativoj" por la jaro 1926, kiu, krom multaj interesaj statistikaĵoj, enhavas bonan informan 5-paĝan artikolon pri Esperanto kun fina indiko de lernolibroj, adresoj ktp., skribitan per S-ro J. Zawada.

Ĝi tuŝas la aferon de l' neceseco de fondo de kooperativa ĵurnalo esperantlingva kaj alvokas la kooperativistojn al studo de lingvo internacia. Konsiderinte, ke ĉi tiu almanako estas presita en preskaŭ 5000 ekzempleroj, legata en tuta Polio, ni esperas bonan efikon de ĝi por la disvastigo de Esperanto en la multnombra anaro de polaj kooperativoj (5800 konsumkooperativoj kun ĉirkaŭ 1 miliono da membroj), kaj rekomendas similan vojon de propagando al alinacianoj.

* * *

## Rotary-kluboj.

Inter la internaciaj organizaĵoj, al kiuj Esperanto povas alporti gravan helpon, staras ĉe la unua vico potenca sed ne tre konata asocio nomata „Rotary Internacia".

La 25-an de novembro S-ro André Baudet, ĉiam preta por doni al nia movado la apogon de sia alta situacio ĉe la Komerca Ĉambro en Parizo kaj S-ro Paul Degon, pioniro de Esperanto inter la juristoj, ĉeestis kun mi la semajnan tagmanĝon de la Rotary Klubo de Parizo.

Strange estas, kiel la celoj de la Rotary respondas al niaj propraj celoj. Oni juĝu laŭ tiu resumo:

1. Pli bone koni unu la alian.
2. Perfekta akordiĝo, bonvolo kaj internacia paco pere de sincera amikeco inter la aferistoj kaj la profesiuloj unuigitaj de la idealo de Rotary: „He profits most who serves best" „Service above self" — „Tiu plej profitas, kiu plej servas" —
3. Plifaciligi kaj disvastigi la rilatojn inter Rotary-anoj de la tuta mondo.
4. Submeti tiun interprofesian solidarecon al la severaj reguloj de moraleco,
5. Laŭ la tempo kaj la mono, kiun oni disponas, interesiĝi pri sociaj demandoj.

Fondita la 23-an de februaro en Chicago la unua Rotary Klubo naskis impresigan movadon. Nun ekzistas en la tuta mondo preskaŭ 2000 kluboj kun pli ol 120.000 membroj.

Tiuj membroj povas esti komercistoj, industriistoj, bankisto, advokatoj, verkistoj ktp., sed notinde estas, ke en ĉiu klubo estas akceptebla nur unu membro de la profesio aŭ metio konsiderata.

Politikaj aŭ religiaj diskutoj estas malpermesataj.

La Rotary Internacia estas jam, dank' al la nombro de siaj anoj, ilia kvalito kaj la diverseco de iliaj naciecoj, atentinda forto, kies disvolviĝo povas utile servi internacian pacon.

Mi sincere esperas, ke la bona semo de S-ro André Baudet ne perdiĝos, ĉar li kaptis la atenton de la Rotary'anoj en Parizo. Esperanto kaj Rotary ŝuldas al si mem atentan studon pri la laboro, kiun ili povas entrepreni kune, pri la helpo, kiun ili povas doni unu al la alia.

*Georges Warnier,*
Prezidanto de la Esperantista Grupo Pariza.

* * *

## XII. Internaciaj Esperantistaj Floraj Ludoj
### 23—25 majo 1926 en Santa Coloma de Farnes.

La Komitato de la Floraj Ludoj invitas ĉiulandajn verkistojn partopreni la konkursojn kiujn ĝi organizis okaze de tia festo, nome:

**Ordinaraj temoj:**

*Originalaj tekstoj*

1. Originala versaĵo kantanta *amon.*
2. Originala *ama* verko en prozo.

*Tradukitaj tekstoj*

1. Traduko de la kataluna versaĵo „Les Noces de l'Alosa i el Llessami" el Melcior Font.
2. Traduko de la kataluna prozaĵo „Caminar amb la Lluna" el Prudenci Bertrana.

Al la gajnintoj de la kvar ĉi supraj temoj oni donacos ekzempleron el la „Kataluna Antologio" kaj belan honoran diplomon. Al la plej bona verko el la kvar oni aljuĝos la Naturan Floron kaj la rajton elekti Reĝinon de la festo.

**Eksterordinaraj temoj:**

Ili konsistas el 27 temoj proponataj de diversaj institucioj, esperantaj grupoj kaj privatuloj, kies temoj estas jenaj:

*Temoj difinitaj:*

*„Interna ideo de Esperanto“.* Premio: 100 pesetoj.

*„Fideleco al la Fundamento de Esperanto“.* Premio: 75 pesetoj.

*„Temo rilatanta al UEA“.* Premio: 100 pesetoj.

*„Versaĵo aŭ prozaĵo plej bone kantanta la naciajn glorojn.“* Premio: 100 pesetoj.

*„Temo patrujama.“* Premio: 25 pesetoj.

*„La malmoraleco ĉe la virina vesto.“* Premio: 25 pesetoj.

*„Plej bona verko priskribanta la Kastelon, Ermitejon, Turon Planas ktp. de Farnés.“* Premio: 1 sterlinga funto.

*„Graveco de la fizikaj kvalitoj de la akvoj akratotermaj, radioaktivaj, rilate al la aktivecoj kaj efikoj de tiaj akvoj, speciale koncernante la fiziologian kaj terapeŭtikan efikon“.* Premio: 100 pesetoj.

*„Plej bona traduko de versaĵo de la fama kataluna poeto Joan Maragall“.* Premio: 50 pesetoj.

*„Temo pritraktanta la muzikverkadon kaj ĥorkreadon de la el la pasinta XIX-a jarcento kataluna muzikverkisto Clavé“.* Premio: 50 pesetoj.

*„Pri paco kaj amo“.* Premio: 25 pesetoj.

*„Esperanto kaj Radiofonio“.* Premio: 50 pesetoj.

*„Originala aŭ tradukita scienca studo pri la eltrovo de la radioj X (Roentgenologio).“* Premio: 100 pesetoj.

*Temoj nedifinitaj t. e. laŭvolaj:*

Dekses temoj laŭvolaj kun premioj de 75, 50 kaj 25 pesetoj kompletigas la liston de eksterordinaraj temoj, kies premiojn oni aljuĝos al la plej bonaj verkoj, ĉu versaj ĉu prozaj, kiuj prezentiĝos al la konkurso de tiaj temoj.

*Kondiĉoj por partopreno.*

La verkoj konkursontaj devas esti verkitaj en bona Esperanto kaj ne ankoraŭ eldonitaj aŭ anoncitaj.

La manuskriptoj devas porti devizon kaj esti sendataj al la sekretario de la Floraj Ludoj (S-ro Josep Ventura, str. Creu, 75, Terrassa) akompanataj de fermita koverto kiu surhavos la saman devizon kaj entenos la nomon kaj adreson de la verkinto. Ĉiu sendinto bonvolu konservi kopion de la manuskriptoj. Templimo por akcepto de verkoj: 15 februaro 1926.

La Komitato publikigos la verdikton per „Kataluna Esperantisto“ kaj per aliaj esperantaj gazetoj.

Eventuala aljuĝo de subpremioj nur signilas honoran mencion.

La juĝontaro konsistas el la sekvantaj S-roj: D-ro Edmond Privat, prezidanto; Joseph Berger, Artur Domenech, Josep Rosselló, Josep Gener, Josep Ventura, sekretario.

---

## Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado

**Sidejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève**

**Adreso por korespondaĵoj.**

Ni petas, afable atenti pri tio, ke ĉiu oficiala korespondado de nia komitato estas farata de nia sekretariejo. Ĉiuj korespondaĵoj do devas porti la supre indikitan adreson. Ni tre petas ne adresi al personoj (krom privatleteroj), sed simple al nia komitato. Oni ankaŭ ne sendu al ni sendaĵojn, destinitajn por UEA, ĉar nia laboro estas tute apartigita.

**Naciaj societoj en K. R. kaj fakorganizoj.**

Konforme al § 7 de la Organiza Statutaro nia komitato prenis sur sin ĉiujn eksterajn laborojn de K. R. Ni do petas, ke la anoj de K. R. kaj la fakorganizoj interrilatu kun nia komitato pri ĉiuj propagandaferoj ktp.

**Cirkuleroj.**

Fine de decembro ni dissendis du cirkulerojn al ĉiuj naciaj societoj, anoj de K. R. kaj ĉiuj fakorganizoj. Tiuj, kiuj pro iu kaŭzo ne ricevis la cirkulerojn, bonvolu tuj sciigi nin. Ni ankaŭ petas pri afabla rapida sciigo de eventualaj adres-ŝanĝoj.

**Korespondantoj.**

Ni estos tre dankemaj pri sciigo de adresoj de samideanoj, kiuj per jara pago de 100 sv. fr. povus deziri fariĝi korespondantoj de I. C. K. Ĝis 31 decembro la sekvantaj samideanoj fariĝis korespondantoj (laŭ aliĝdato):

1. S-ro D. Buchanan, Rothesay
2. S-ro Koogecu Niŝimura, Ajabe
3. S-ro Tejzo Eisaki, Fukuoka
4. S-ro J. Borel, Vaumarcus
5. F-ino G. Wickham, St. Basile
6. F-ino Offerhaus, s'Gravenhage
7. S-ro J. Mangada-Rosenörn, Madrid
8. S-ino R. Weinberg, Kraków
9. F-ino E. M. Milner, Leek
10. S-ro D-ro Crowley, Welwyn-Garden-City
11. S-ro D-ro H. Arnhold, Dresden
12. S-ro D-ro E. Loth, Pabjanice
13. S-ro Delfi Dalmau, Barcelona
14. S-ro D-ro Vogt, Stuttgart
15. S-ro v. Frenckell, Dresden-A.
16. S-ro J. Merchant, Sheffield
17. S-ino A. Morris, New-York
18. S-ro E. Legrand, Montevideo
19. S-ro D-ro Fulda, Berlin
20. S-ro Ed. Stettler, Bern
21. S-ro B. Kötz, Leipzig
22. S-ro Chas. H. Edmonds, Welwyn-Garden-City
23. S-ro J. J. Boutwood, Hastings
24. S-ro A. J. Adams, Hastings
25. S-ro Chas. M. Cather, Port-Said

**Vojaĝo tra Usono.**

Nia eminenta samideano prof. Bovet, fama scienculo, profesoro de pedagogio, psikologio kaj direktoro de la mondfama Instituto J. J. Rousseau, komence de januaro enŝipiĝis por trimonata vojaĝo tra Usono por sekvi inviton de la Rockfeller-Instituto.

Kiel ni jam sciigis per cirkuleroj al ĉiuj usonaj grupoj kaj delegitoj de UEA, prof. Bovet dankinde montris sin preta, helpi nian movadon, se prezentiĝos okazo por tio. Prof Bovet ĉefe vizitos la grandajn urbojn New-York, Boston, Philadelphia, Washington, San Francisco k. a. Li parolas angle kaj Esperanton publike. Invitoj por paroladoj kaj vizitoj bonvolu sendi al lia adreso: Prof. P. Bovet, p. a. S-ro D-ro Ruml, 61 Broadway, New-York-City.

**Rondvojaĝo de S-ro Andreo Ĉe, sekr. de C. K., en Britlando.**

La propagandvojaĝo de S-ro Ĉe tra Britlando finis la 18 decembro. De novembra mezo nia sekretario sinsekve paroladis en la sekvantaj urboj: Keighley, Bradford (3 paroladoj), Sheffield (2 paroladoj), Birmingham, Bourneville, Coventry, Birmingham, Cheltenham, Whiteway Colony, Sibford, London (7 paroladoj), Tonbridge.

Ni povas ĝoje konstati refoje, ke la tuta vojaĝo estis unika sukceso. Ĝi grave helpis la publikan propagandon en Britlando, kiel ankaŭ pruvas al ni arego da longaj artikoloj ricevitaj. Ĝi samfavore influis la internan vivon de nia brita movado kaj esperigas fruktodonan rezulton.

Meze de januaro S-ro Ĉe sekvos inviton de la Centra Dana Esperantista Ligo kaj poste reirante al Genève haltos ankoraŭ en kelkaj urboj en Nederlando kaj Belgujo.

**Gazeta statistiko.**

Ĝis finiĝo de tiu statistiko alvenis por monato decembro artikoloj en sekvantaj lingvoj:

| | |
|---|---|
| angla | 41 |
| franca | 18 |
| ĉeĥa | 7 |
| germana (Svislando) | 19 |
| germana (Germanujo, Aŭstrio) | 29 |
| hispana | 3 |
| itala | 7 |
| kataluna | 1 |
| norvega | 2 |
| pola | 2 |
| portugala | 2 |
| entute | 131 en 10 lingvoj. |

Ni petas la gazetar-servojn en la diversaj landoj afable sendi al ni siajn monatajn ciferojn por ebligi pli korektan statistikon.

*Rob. Kreuz*, Ĝen. Sekretario.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [*M*] *5 Fr. Membro Abonanto* [*MA*] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [*MS*] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Albanio:** Ital. Liroj: 12, 30, 125; **Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Aŭstrio:** Ŝil. 5, 12,50, 35; **Belgio:** Fr. 12, 30, 100; **Brazilo:** Milr. 5, 12,50 35; **Britlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Bulgario:** L. 100, 200, 750; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50, 25; **Estonio:** Mk. 200, 500, 1800; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200 **Francio:** Fr. 12, 30, 125; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 10,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100 325; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35; **Hungario:** Kr. or. 5, 10, 25; **Irlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25: **Italio:** L. 12, 30, 100, **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 280: **Latvio:** L. 4, 10, 25; **Litovio:** L. 8, 20, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25, 12,50: **Norvegio:** Kr. 5, 12,50, 25; **Pollando:** Zlot. 7,50, 15, 45; **Portugalo:** Esk. 16, 40, 100; **Rumanio:** L. 120, 300, 800; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50. 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro]

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Ŝil. 1,50; Bulgario: 50 L.; Germanio: RM 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 40 La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre. Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Franclando: No. 22176, Lyon. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Averto. — Ni ricevis plendojn kontraŭ certa Nikola Iliev Kutinĉev, esperantisto el Shumen (Bulgario), vojaĝinta en Nederlando, Danmarko, Germanio kaj Svislando. Sub diversaj pretekstoj li prunteprenis monon kaj ne repagis. Ni atentigas ke dirita sinjoro ne estas kaj ne estis ano de UEA. La C. O. informiĝos pri li.**

**Franca Poŝtĉeko.** — Ni informas niajn Delegitojn kaj membrojn en Franclando pri la malfermo de poŝta ĉekkonto. Oni povas de nun pagi al tiu-ĉi konto. Adreso: Bureau des Chèques postaux, Lyon, Compte 221 76, Universala Esperanto-Asocio, Genève

**Helpmembroj.** — Pro falo de la pola monkurzo ni decidis akcepti helpmembrojn el tiu-ĉi lando, Kotizo: 2,50 zl. Helpmembro rajtas ricevi membrokarton, uzi la servojn kaj enpresigi *unu* anonceton pri korespondado en „Esperanto", sed ne la jarlibron.

**Polaj Kotizoj.** — Pro la kurzfalo de la pola mono ni devis ŝanĝi la favorprezojn laŭ jena tabelo:

| | |
|---|---|
| Helpmembro (HM) . . . | 2,50 zlotoj |
| Membro (M) . . . . . | 7 50 „ |
| Membro-Abonanto (MA) . | 15,— „ |
| Membro Subtenanto (MS) . | 45,— „ |

**Subtenantoj.** — Ni atentigas ke la kotizo de Subtenanto ĝenerale estas 25 Frk. svisaj, do la oficiala prezo. Pro praktikaj kaŭzoj la nacia prezo ne ĉiam ekzakte korespondas kun ĝi. La kotizo de MS por francoj nun estas 125 Frk. fr.

**Novaj delegitoj:**

**Adony,** Hungario, Fejér. D. S-ro Lajos Bálint, Direktoro de ŝparkaso.
**Bytouchov,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Josef Malý, fabriklaboristo, No. 50 Bytouchov, poŝto Řeky u Semil.
**Chrzanow,** Pollando, Malopolska. D. S-ro Jakob Weinberger, Lingvo-instruisto, Sokola.
**Grossraming,** Aŭstrio, Steyr. D. F-ino Sophie Cipera, Instruistino.
**Horsham,** Britlando, Sussex. D. S-ro Fred. Goodliffe, komercisto, Lamley Lodge, Warnham Road.
**Kloster,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Richard Theml, instruisto, Kloster b. Neubistritz.
**Kościerzyna,** Pollando, Pomorze. D. S-ro Edmund Fethke, redaktoro, Redakcja „Pomorzynina".
**Manila,** Filipinaj Insuloj. D. S-ro Garcia y Roxas Simeon, advokato, 357 Str. San Marcelino
**Merkine,** Litovio, Distr. Alita. D. S-ro Jakovo Žmudskis, instruisto, Nemumaičio g-ve 6
**Mikstat,** Pollando, Wielkopolska. D. S-ro Stefan Biegański
VD. S-ino Janina Bieganska, Mikstat Pow. Ostrzeszów.
**Norwalk,** Usono, Connecticut. D. S-ro Robert Schmitt, desegnisto kaj artlaboristo, Silvermine.
**Pohorelska Maša,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. S-ro Ernst Kracsun, Inĝeniero, Mannesman-Koburg-Werke.
**Purmerend,** Nederlando, N. Holland. D. S-ro P. Groenhart, lernejestro, Purmer.
**Ratibor,** Germanio, Silezio. D. S-ro Klemens Wieczorek, Fervojoficisto, Marienstraße 72.
**Recht,** Persio, Gilano. D. S-ro Haĝi Sejd Mohamed Reuhani, bienposedanto, Badellah.
**Rohrbach,** Saar. D. S-ro Ludwig Luckenbiel, Librotenisto, ĉe „Samag."
**Selo Solotvina,** Ĉeĥoslovakio, Subkarpata Rusio. D. S-ro Cyrill Pařížek, limimpostgardestro, Selo Solotvina, poŝto Akna Slatina.
**Týn nad Vltavou,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Václav Pechoč, oficisto, Masarykova třída 21.
**Vreden,** Germanio, Westf. D. S-ro Konrad Cypionka, Urba kasisto, Vreden bei Münster.
**Vrhnika,** Sudslavio, Slovanija. D. S-ro Mirko Kriýman, Farmaciisto, Lekarna.
VD. S-ro Franjo Langof, Librotenisto, Vrhnika 72.
**Wandsbek,** Germanio, Schleswig-Holstein. D. S-ro Fr. Anton Gerstner, Instruisto, Oelmühlenweg 66.
**Zlín,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ino Anna Hrbáčková, Masarykovo náměstí 27.
VD. S-ro Eda Krčmář, mekanikisto, Kotěrova ul. 750,

**Ŝanĝoj.**

**Bern,** Svislando. VD. S-ro Robert Bolliger, bankoficisto, Lentulusrain 18.
**Borohrádek,** Ĉeĥoslovakio, Kostelec n. Orlicí. D. S-ro Josef Koubek, fervojoficisto
**Bournemouth,** Britlando. Hampshire. D. S-ro Edward Glyn Worthington, eks-ĉefpoŝtestro, Territet, Ken Road.
**Bucureşti,** Rumanio. VD. S-ro Ernest Grund, prokuristo, Parcul Cornescu A. 12.
**Buffalo,** U. S. A. New York. D. S-ro Donald E. Parrish, 15 Laurence Place.
VD. S-ro Joseph Gianfranceschi, Kuracisto, 610 Niagara Str.
**Denver,** U. S. A. Colorado. D. S-ro Walter August Buchheim, instruisto, 1435 Race Str.
VD. F-ino Adelaide M. Sharp, Oficistino, 1851 Logan Str.
**Göppingen,** Germanio, Würt. D. S-ro Otto Abele, Financa oficisto, Kleberstraße 9.
**Innsbruck,** Aŭstrio, Tirolo. D. S-ro Heinz Bederlunger, bankisto, Herz. Friedr. Str. 17.
VD. S-ro Roland Hühbacher, bakisto, Bildgasse 10.
**Ipswich,** Britlando, Suffolk. D. S-ro F. Douglas Murphy, bankoficisto, 35 Stradbroke Road.
**Kaiserslautern,** Germanio, Bayern. D. S-ro Richard Hauber, Notareja sekretario, Am Alberichsberg 17.
**Narva,** Estonio. D. S-ro Karl Kultman, bankoficisto, Eesti pank.
VD. S-ro Oskar Nòn, vicpoŝtestro, Postkontor.
**Rakospalota-Uipest,** Hungario. D. S-ro István Kiss, Oficisto, Imre-u. 32.
**Równo-Wolyn,** Pollando. D. S-ro Berko Burak, Instruisto, Ul. Cicha 6.
VD. S-ro Jankiel Zylbersztejn, Str. Slovackiego 14.
**St. Joachimstal-Jáchymov,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio D. S-ro Ernesto Polivka, instruisto, ŝtata minejadministracio, Münchweg 42.
VD. S-ro Rudolf Perthold, Instruisto, Eliasberg.
**Vlissingen,** Nederlando, Zeeland. D. S-ro Jozias Davidse, Modelisto, Kanaalstraat 128.
VD. S-ro Jan Mast, Razisto, Palingstraat 40.
**Warnsdorf,** Ĉeĥoslovakio. D. S-ro Franz Kaulich, urba oficisto, VII., 1904.
VD. S-ro Josef Ernst Koch, ŝparkasoficisto, Gürtelstraße 2038.
**York,** Britlando, Yorkshire. D. S-ro Frank Thurgood, fervojoficisto, 62 St. John Str.

**En la jenaj lokoj provizore ne plu estas delegitoj:**

Boryslaw, Pollando; Braila, Rumanio; Leoben, Aŭstrio; Mölke, Germanio; Nagoya, Japanio; Nogent sur Vernisson, Franclando; Samos Nenedes, Greklando; Seewen, Svislando.

Genève, 5 januaro 1926.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-sroj *André Buttet-Luy,* membro de UEA kaj prez. de la grupo en Lausanne, naskiĝis filo René - Raoul.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *V. J. Rikström,* del. de UEA en Makslahti (Finnlando), fianĉiĝis kun F-ino *A. S. Saila,* membrino de UEA en Koljola.

**Edziĝoj.** S-ro profesoro *Sándor Hallgató,* del. de UEA, kun F-ino *Gizella Takáts* en Sarospatak (Hungar.)

S-ro *Hans Bloch,* ano de UEA en Saarbrücken, kun F-ino *Pia Koch.*

S-ro *Lucien Lespicier,* ano de UEA en Villeneuve Saint Georges, France, kun F-ino *Rose Basset.*

**Honorigo.** — S-ro *Won Kenn,* membro de la L. K., ĵus ricevis la doktoran titolon ĉe la Lyona Universitato kun mencio: honorinde. Lia doktoreca tezo, kiu nun estas presata, temas pri la deveno de la egipta kaj ĉina ideografia aboco. Ni preparas por nia gazeto la resumon de la verko de D-ro Kenn, kaj ni esprimas ĉi tie al nia simpatia samideano la plej korajn gratulojn pri lia scienca sukceso.

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro **John E. Esslemont,** bone konata propagandisto kaj verkisto de la Bahaja movado, malnova fervora esperantisto kaj ano de UEA, mortis en Haifa, Palestino, dum novembro 1925.

S-ro **A. B. Colville,** kapitano, del. de UEA en Portsmouth, mortis post longa malsano 9 Nov. 1925, 72-jaraĝa.

S-ino **L. E. Doran,** edzino de S-ro E. T. Doran, del. de UEA en Manchester, subite mortis 20 Novembro. Ŝi estis entuziasma kaj sindonema laboranto por Esperanto kaj antaŭe prezidantino de la Manchester'a Grupo, lastatempe ŝi estis sekretariino kaj depost la milito multe helpis revigligi la movadon en Manchester.

S-ro **Joseph Parotte,** ano de UEA en Verviers, Belgio, akcidente mortis dum ekskurso en la regiono Les Hautes Fagnes.



S-ino Kenn

Nia fervora amiko D-ro Won Kenn, eksmembro de la Internacia Centra Komitato kaj ĝia nuna konsilanto por Ekstrem-Oriento en Kanton, havis la malfeliĉon perdi pro morto la amatan edzinon. D-ro Won Kenn estinte en Lyon dum kelkaj jaroj ne plu povis revidi ŝin. Ni sincere partoprenas lian funebron.

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek,* Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 163.**
*R. Svoboda,* Praha
(Originalo)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 164.**
*O. Blumenthal*
(Reproduktaĵo)



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 165.**
*H. T. Bailey,* London
(Originalo)



Sinmato per la 3-a movo

**Etudo N-ro 3.**
D-ro *Emanuel Lasker,* Berlin
(D. Wochenschach 1890)



Movante, Blanko gajnas

N-ro 163 estas simpla minacproblemo. 164 vidigas maloftan majstrecon en apliko de la minimumaj rimedoj. La celita ideo estas la ĉaso je kuriero. 165 rememoras la tempon de arabo Stamma. En la etudo 3 instruas al ni la mondŝakmajstro kiel profiti el la pli favoraj spacaj cirkonstancoj. La ideo estas rimarkinda kaj precipe la fina manovro belega. Estas necese fari komparon kun la verko de Domenico Lorenzo Ponziani, kiun li publikis en sia libreto: „Il giuco incomparabile degli Scacchi, Modena 1769." Bl.: Rh8, Tb7, Ph7, Nig.: Rf6, Tf2. Solvo estas 1. Rg8, Tg2+, 2. Rf8, Th2, 3. Tb6+, Rf5! 4. Rg7, Tg2+, 5. Rf7, Th2, 6. Tb5+, Rf4! 7. Rg7, Tg2+, 8. Rh6, Th2+, 9. Th5 kaj gajnas. Ĉi tiu verko ne estas teknike plene perfekta, sed por la tempo kiam ĝi aperis ĝi devas esti altvalore taksata.

### *Solvoj de la problemoj:*

N-ro 160: 1. Kb2 — h8 ktp. — N-ro 161: 1. Daf — h1 ktp.
N-ro 162: 1. Kd3 — h7, Ra1 — a2, 2. Dg7 — g6 ktp.
1. a3 — a2, 2. Ĉe1 — d3 ktp.
Etudo 2: 1. Kf7 (malhelpas al n. T okupon de la punkto g7), Tb7, 2. Kc3! Tc7, 3. Kd4! Td7, 4. Ke5! Te7, 5. Ka1! kaj gajnas. La kuriero devas paŝ' post paŝe logi la turon ĝis e7, el kiu punkto la turo ne plu povas ataki la kurieron rifuĝintan sur a1.

### *Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 158 kaj 159 S. Frantz, Paris; H. Steding, Bremen; A. Brivul, Riga; 159. E. Schwebel, Lwów.

### *Korespondo:*

S-ro B. Schoen, Merxem. En 158 ne estas eble e2 — e4 pro f4 ×, e3 + pas. — S-ro H. T. Bailey. Sm. Rb, h4, Rn, e6 ne estas ĝusta pro la dualoj post Dd5, 2. Dc4 aŭ Df5 + aŭ De4 +. Ankaŭ eble anstataŭi Pa6 kaj b3 per Pn. a4. — S-ro Schwebel. Oni konstruu la problemon ekonomieme rilate al la uzita materialo, tio signifas: peni ricevi la plej multan rezulton, uzante la plej malmultan figuran materialon. Kio estas atingebla per unu figuro, oni ne volu ricevi de du figuroj, eĉ perdante pro tio la trompsolvojn. La sm. ni aperigos iom ŝanĝite.

# AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Montevecchio, N-ro 32 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigataj

---

## Solvoj:

**105** = 1 : U; 2 : R; 3 : A: 4 : N; 5 : O. — **106** = P, T, T (Apetito); — **107** = Goethe, Faŭsto: — **108** = *Ĉu estas senkulpulo?* | Rigoron sian se praktikus plene | Justec' la Mondo baldaŭ dezertiĝus. | Ĉu vere hom' ekzistas | sen kulp', ĉu eta, ĉu ne eta? Ni | nin mem esploru. Maloftâjo estas | juĝist' senkulpa pri | la kulp' de li punata. — **109** = Sorto de ĉio. Ĉio en la mondo pasas, ĉio en la mond' lacigas, ĉio en la mond' rompiĝas.

---

110. **Geometria ludo.**




Jen du cirkloj, kies la dua havas radion duoblan je l' unua, kaj el kiu oni forprenis samcentran kvadraton, kies diagonalo *fg* = *ab*. El la tutaĵo faru du interegalajn ovalojn X, ĉiu el kiuj estos limigata de 4 arkoj de 90°; el ĉi tiuj la visavisaj (kontraŭaj) *h l*, *i m*, havas radion duoblan je tiu de la du aliaj visavisaj *h i*, *l m*.

---

111. **Parfuma kunigaj' de malamikoj.**

Senvostigita rodanta besteto | kun hejmigita rabulo, de ĝi | tre malamika, plu bestoj ne estas, | sed herb' donanta oleon parfuman.

---

112. **Elpelo.**

Elpel' de konsonanto | de nia sento | aperon okazigas de alero | pli efika ol diro.

---

113. **Land' kavaliriĝonta.**

BAYERN

Tri movu alumetojn por la nomon | aperigi de fama | Kavalir' sen makulo kaj sen timo.

---

114. **Historia latina moto.**

ALEO PARFUMA

El aleo parfuma faru moton | de fama konkirint' sin decidinta | transiri rivereton.

---

**Ĝustaj solvoj alvenintaj:**

108, 109: F-ino A. Evelyn Baxtev (Orpington, Angl.). — Ĉiujn: Rudolf Fenzl (Pilsen). — 105, 106, 107, 109: S. Frantz (Parizo). — Ĉiujn: Roberto Schubert (Praha). — 105, 106, 107, 109: F-ino Yvonne Thooris (Bruges). — Ĉiujn: B. Weickhmann (Stettin). — Ĉiujn: Edvardo Wiesenfeld, L. K. (Varsovio). — Ĉiujn: Curt William (Stettin).

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

---

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

---

## Tarifo:

**Korespondado:** Unu enskribo: 1.— frk. sv.
**Petoj kaj Proponoj:** 10 vortoj: 0.75 frk. sv.
**Reklamo:** Unu cm unukolona: 2.50 frk. sv.

**Naciaj prezoj:**

**Albanio:** 5, 3, 10 it. lir.; **Argentino:** 0 50, 0.40, 2 pesos oro: **Aŭstralio:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.: **Aŭstrio:** 1.25, 1, 3.50 ŝil.; **Belgio:** 4, 3, 10 frk. belg.; **Brazilo:** 1.25, 1, 3.50 Milr.; **Britlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Bulgario:** 30, 20, 60 levoj; **Ĉeĥoslovakio:** 6, 5, 10 kč.; **Ĉinio:** 0.25 0.20, 0.80 arĝ. dol.; **Danmarko kaj Islando:** 1, 0,75, 2,50 kr.; **Danzig:** 1, 0.75, 2.50 guld.; **Estonio:** 60, 50, 150 emk.; **Finnlando:** 6, 5, 20 fmk.; **Franclando:** 4, 3, 10 frk.; **Germanio:** 0.80, 0.60, 2 RM; **Greklando:** 12, 10, 30 dr.; **Hispanio:** 1,25, 1, 3 pes.; **Hungario:** 1, 0.75, 2.50 kr. oro; **Irlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Italio:** 5, 3, 10 lir.; **Japanio:** 0.50, 0.35, 1.25 jen.; **Jugoslavio:** 10, 8, 30 din.; **Latvio:** 1, 0,75, 5 lit.: **Luksemburgo:** 4, 3, 10 frk: **Nederlando:** 0.50, 0.35, 1.25 guld.; **Norvegio:** 1, 0.75, 2 50 kr.; **Pollando:** 1, 0.75, 2.50 zlot.; **Portugalo:** 4, 3, 10 esk.; **Svedio:** 0.50, 0.40, 2 kr.; **Svislando:** 1, 0.75, 2.50 frk., **Turkio:** 25, 20, 60 piastr.; **USA., Kanado, Centra kaj Suda Ameriko, Antilioj, Kubo:** 0.20, 0.15, 0.50 dol.

---

# Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

---

### Belgio.

**Antverpeno.** F-ino Florence Hayman, 28-jara, sekretariino (lignofako), c. o. Messrs Chaubet, Hermanne & Co., Longue rue Neuve 36, L kun gesinjoroj anglaj aŭ de anglaj kolonioj pri la vivo, la ideoj, kaj si mem.

**Antverpeno.** S-ro Gregory T. Jaquet, 24-jara, rue Karel Oeerts 49, PI, L, prefere kun Angliujo.

**Antverpeno.** S-ro A. De Munck, 23-jara, Grande Montagne aux Corneilles 36, PI, L, prefere kun Ruslando.

**Antverpeno.** S-ro François Janssens, 21-jara, rue Mertens 34, Borgerhout, L, PI, prefere kun Italujo.

**Antverpeno.** S-ro Hilaire Rau, 19-jara, rue Mertens 34, Borgerhout, PI, L.

**Antverpeno.** S-ro Nicolas Van Winge, librotenisto, Plaine de Malines 4, L, prefere kun Rumanio, temoj: ĉiuj interesaj matematikaj problemoj, ankaŭ sciencaj divenaĵoj.

**Antverpeno.** S-ro Eugène Marnette, 28-jara, franca-germana korespondanto (lignofako), Chaussée de Boom 440, L, PK pri la vivo, moro, literaturo ktp., precipe kun Ameriko, Aŭstralio, Azio.

### Britlando.

**Clitheroe.** S-ro W. Brierley, 1 Brook Street, serĉas por siaj studentoj ambaŭseksajn korespondantojn ĉl., PK, L. Nepre respondos.

### Ĉeĥoslovakio.

**Brno.** Gazeto „Nový Lid" interŝanĝas PI, fot-aĵojn kĉl.

**Německý Brod.** S-ro František Vondra, 161 dol., PM, PK, PI.

**Praha I.** S-ro Jára Šmejkal, Karoliny Světlé 14, PI bfl kĉl., certe respondos.

### Danmarko.

**Charlottenlund.** S-ro Cajus Jacobsen, Ejgaardsvej 24, II, PM, PI kĉl., escepte Germanio kaj Aŭstrio. Oni ĉemetu respondkuponon. Certe respondas.

### Finnlando.

**Sippola.** S-ro O. Uutela, instruisto, PI, L kĉl.

**Utti.** S-ro U. Nevalainen, instruisto, PI, L kĉl.

**Utti, Hirvelä.** S-ro V. Ranne, kantoro, PI, L kĉl.

**Utti, Hirvelä.** S-ro P. Hyttinen, pastro, PI, L kĉl.

**Utti, Hirvelä.** S-ino Helena Hyttinen, pastredzino, PI, L kĉl.

### Franclando.

**St. Genis-Laval.** F-ino Bloch, Observatoire de Lyon, L, PK kĉl.

**St. Genis-Laval.** S-ro Gindre, Observatoire de Lyon, L, PK kĉl.

### Germanio.

**Breslau.** S-ro Georg Wurckheim, Freiburger Str. 44, deziras korespondi pri pacifismo, sociala problemo, teknikaj problemoj kaj komercaĵo.

**Breslau 2.** S-ro H. J. Plehn, Bahnhofstr. 21, L pri botaniko.

**Dresden-N.** F-ino Margarethe Kunerth, Kamenzer Str. 38, II r., PI de ĉefurboj bfl, speciale kun ekstereŭropanoj.

**Dresden-A.** S-ro Emil Lehm, inĝ., Lindengasse 20, III, L, P, PI kĉl. Nepre respondos.

**Dresden-N. 30.** S-ro Willy Eckert, Fechnerstr. 24, I, PI bfl, L kun inteligentaj, seriozaj gesamideanoj ĉiulandaj. Mi ĉiam respondos.

**Glienicke ĉe Beeskow.** S-ro Otto Pfeiffer, instruisto, interŝanĝas ĉiam PM kĉl.

**Gräben apud Striegau.** F-ino Editha Creutzmann, interŝanĝu PM de Danzig, Memel, Allenstein. Marienwerder, germanaj kolonioj, germanaj kaj super-sileziaj kontraŭ de mi mankantaj de ĉiuj landoj. Ne sendas unue!

**Hamburg 13.** S-ro Rusch, Polizei-Unterwachtmeister, Geschäftsstelle Innenstadt V III, deziras korespondadon seriozan pri ĉiuj temoj kĉl. per PI aŭ L. Ĉiam tuj respondos.

**Radebeul.** S-ro Felix Grimm, Gartenstr. 28, I, PK, PI, L kun inteligentuloj ĉl.

**Radebeul-Oberlössnitz.** S-ro Willy Heinze, elektro-inĝeniero, Bennostr. 29, PK, PI, L, precipe kun ne-eŭropanoj, interŝanĝo de radio-ĵurnaloj.

**Recklinghausen.** S-ro Reinhold Lange, Oerweg 27, PI, certe respondos.

**Striegau.** F-ino Hinjo Schadow, Kohlenstr. 17, PI, L, fot. kĉl.

## Hungario.

**Tápiószele.** S-ro Zoltano Balázsy, poŝtoficejo, PI, precipe kun japanaj, turkaj, amerikaj kaj afrikaj samideanoj. Deziras nekolorajn, nur nigrapresitajn kartojn, insistas je legebla skribo, korespondas ankaŭ kun japanaj sinjorinoj.

## Italio.

**Brescia.** S-ro Gaetano Facchi, Corso V. E. 64, delegito de UEA, pri historio kaj literaturo, interŝanĝas esperantaĵojn.

**Brescia.** S-ro Geom. Lorenzo Godola, Corso V. E. 25, PM kun kolektantoj el Finnlando, Estonio, Litovio, Latvio.

**Trento.** S-ro Luigi Perzolli, Vela 2, PI, PM, precipe kun Azio, Afriko, Ameriko, Aŭstralio.

**Venezia.** Adv. Cortellazzo Ugo, S. Croce 813, PM kĉl. Nepre respondas.

## Litovio.

**Lukŝiai (Ŝakiu aps.).** S-ro Pranas Žakevičius, PI artajn bil kĉl.

## Meksiko.

**Tampico.** S-ro Ernesto E. Guerra, L kun sinjorinoj, fraŭlinoj aŭ plenaĝaj studentoj. Tiuj kiuj konsideras skribadi kvazaŭ punlaboron, kiuj ŝatas nur pritrakti pri veterŝanĝoj, aŭ kiuj havas determinatajn materialajn celojn, ne okupu sin pri tiu ĉi anonceto.

## Nederlando.

**Arnhem.** S-ro D-ro C. Baart de la Faille, Roëllstraat 8, PM, bazo Yvert-Tellier 1926, prefere bonfaraj PM kolonioj, Levanto.

**Maarn (Utr.).** S-ro W. C. Reiff Sr, Fuindorp 52, PI, L kĉl.

## Pollando.

**Cieszyn.** Fraŭlo Karl Wojnar, Frysztacka 36, PI bfl, PM kĉl. Li sendos vidaĵkartojn el la fama limurbo pol-ĉeĥa: Cieszyn-Český Těšín.

**Tustanovice N-ro 628.** S-ro Mucha Vojciech, PI, L bfl kĉl.

**Volauka-Tustanovice N-ro 124.** S-ro Jochum Vladislav, L, PI bfl kĉl.

**Volauka-Tustanovice.** S-ro Vali Stanislaw, PI, L bfl kĉl.

**Warszawa.** S-ro Marko Fabian, 23-jara studento de politekniko, L aŭ belaj PK kun eksterlandanoj pri esperantista vivo. Respondo certa.

## Saarteritorio.

**Bildstock.** S-ro Fritz Hort, oficisto, Trenkelbachstr. 12, PM, amatoraj fot-aĵoj.

## Sudslavio.

**Ŝibenik.** S-ro Antun Dugandžić, Galeb, L, PI kĉl., precipe kun maŝinistoj, ankaŭ suboficiroj. Certe respondos.

## Svislando.

**Le Locle.** S-ro E. Perret, 19 Crêt-Vaillant, PM, PI, escepte Meza Eŭropo.

## Usono.

**Newfane (N. Y.).** S-ro C. E. Case, L, PI, artaj fotografaĵoj nur kun sinjoroj.

# Petoj kaj Proponoj

Internacia Komerco.

**Atentu.** Mankas al ni numeroj de „Esperanto Triumfonta": 7, 8, 11, 28, 35, 37, 41, 43, 50, 51, 52, 54, 55, 116, 117, 143; „Revuo" (aldono al „Esperanto Triumfonta") 1924: 8, 11, 12; „Esperanto" 1923: septembro. La donacintoj ricevos samvalorajn broŝurojn. Adresu: UEA-biblioteko, 12 Boulevard du Théatre, Genève.

**Biblioteko.** Sian hejman Esperanto-bibliotekon, tre valorajn librojn kaj gazetojn disvendas. Nomaron nur al seriozaj aĉetemuloj sendas Ivan H. Krestanoff en Pirdop ap. Sofia, Bulgario.

**Bicikloj.** S-ro M. de Vries, Oppert 97, Rotterdam, deziras korespondi kun ruslandaj samideanoj pri la bicikla fako en Ruslando.

**Edziĝo.** Korespondadon deziras sinjoro 21-jara kun fraŭlino koncerne malfrua edziĝo. Severe reala. Speciale kun fraŭlino el sudlando. Skribu al S-ro Albert Ofen, Hohenstein-Ernsttal, Saksio (Germanio), Breitestr. 10.

**Ekspozicio.** La novefondita Esperanta Klubo en Brčko (Bosnio, Jugoslavio) volas antaŭ malfermo de sia unua kurso aranĝi esperantan ekspozicion por ekinteresigi la publikon kaj ĝentile petas la gesamideanajn klubojn kaj grupojn por alsendo de ĉiuj eblaj propagandiloj, kiuj laŭ deziro estas resendotaj al la sendintoj. Gesamideanoj, ni urĝe bezonas vian helpon, tial ne prokrastu kaj rapide sendu! (Esperantistaj gazetoj bonvolu represi!)

**Ekspozicio.** Mi serĉas materialon por ekspozicio, gazetojn, pejzaĝojn, fotografaĵojn, portretojn, bildojn de la plej belaj vidindaĵoj en la tuta mondo. Redone mi sendos al vi ĉu monon, ĉu gazetojn, librojn, fotografaĵojn. Sendu tuj al: Georgi Danov, Ŝyska (Kazanlik), Bulgario.

**Filatelistoj!** Sendu 1000 PM plej diversajn el via lando vi ricevos saman kvanton el Francio. Sendo rekomendata. Commandant Allard, Recrutement de Nimes (Gard), France.

**Filatelistoj!** 146 diversaj germanaj poŝtmarkoj (6 fr. valoron) por nur 3 svisaj frankoj aŭ saman valoron alialande; 200 diversaj germanaj (10 fr. valoron) por nur 5 svisaj frankoj. Skribu al S-ro O. Pfeiffer, Glienicke ĉe Beeskow, German.

**Itala kolektanto** interŝanĝas PM kun kolektantoj de ĉiu lando. D-ro Tavanti, Acciaierie Cogne-Girod, Aosta (Italujo).

**Monerojn.** Oni vendas monerkolekton, kiu enhavas pli ol du mil diverspecajn, t. e. barbarajn, romajn, italajn, aŭstriajn, hungarajn ktp. monerojn kaj medalojn. Kolektprezo (nur entute) 3000 dolaroj. Adreso: D-ro prof. Matolcsy, grupestro, Győr (Hungario).

**„Nova Homaro"** estas granda, kosmopolita movado en Ĉeĥoslovakio, kiu en siaj tre disvastigitaj gazetoj rekomendas kaj instruas Esperanton. Nur ĝi intencas disvastigadi siajn humanajn ideojn en la tuta mondo per propra esperantlingva revuo „Nova Homaro". Tiu ĉi movado posedas propran presejon kaj eldonas centmil-ekzemplerajn eldonaĵojn de diversaj gazetoj kaj revuoj por diversaĝuloj. Jen la ĉefa punkto de ĝia programo: Eduki novan homon por nova homaro. Ĝi laboras por interfratigi ĉiujn gentojn kaj popolojn. Ĝi batalas kontraŭ alkoholo, tabako kaj ĉio malklariganta la puran homan konsciencon, kontraŭ la milito kaj ĉiuj malutilaj pasioj. Kunlaborantoj el ĉiuj landoj estas invitataj kore.

**Poŝtmarkkolektanto.** Mi interŝanĝas PM 500—1000 pecojn nur uzitajn de nia ŝtato kĉl. František Vondra, 161 Dol., Německý Brod, Ĉeĥoslovakio.

**Poŝtmarkoj.** 50 diversaj bonaj de Danmarko 3.50 sv. fr., 50 diversaj de Svedio 4.—, 35 diversaj de Norvegio 3.—, 50 diversaj de Finnlando 4.—, 30 diversaj bonaj de Islando 4.—, 5 diversaj de la danaj Antiloj 1.—. Elektaĵo estas sendota. Postulu prezliston! Oni ĉemetu respondkuponon. S-ro Cajus Jecobsen, Ejgaardsvej 24, II, Charlottenlund (Danmarko).

**Samfakanoj!** Intencante enkonduki Esperanton ĉe la ĉi suba entrepreno, la estimataj samfakaj samideanoj estas petataj postuli de ĝi prezproponon je siaj produktaĵoj: ĉiuspeca segita mola (abio, piceo) kaj malmola (kverko, fago) lignomaterialo, ne citante ĉi tiun anoncon. S. A. Forestiera din Lomas, Arad 3, Rumanio.

**Soldato difektita,** boninstruita, mondsperta, 49-aĝa, ne-hispano, deziras konatiĝi kun gesamideanoj, kiuj emus, establiĝi kun li en la Insuloj Kanariaj. (Ĉe modestaj vivpostuloj sufiĉas pomonata elspezo de 250 pesetoj.) Oni skribu sub la konvorto „Esperanto" al: Denida (Hispanujo, provincia de Alicante), Lista de Correo.

**Stenografio.** Petu la skriban kurson „Stenografio por esperantistoj" de B. P. Roubos, Noordendijk 90, Dordrecht (Nederlando). Al petantoj li sendas senpage la unuan lecionon kun bezonaj informoj. Por tiuj, kiuj sukcese respondos la postulojn por la praktika uzado, sekvos, post la oka leciono, diplomo A.














Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N